**Ĉefredaktoroj:**
***Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay***
**Redaktoroj:**
***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloš Lukáš (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Atentu! Nova adreso!**

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. B. V.**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.


# ETERNA BUKEDO

estas nomata la plej nova granda verko de

## K. KALOCSAY

*ĉar ĝi entenas la plej famajn poemojn el la lingvoj angla, bulgara, ĉeĥa, ĉina, egipta, estona, finna, franca, germana, greka, hebrea, hispana, hungara, itala, japana, latina, pola, portugala, rumana, rusa.*

### Tradukoj de la famaj poetoj

ekzemple:

**Faraono Ahn-Aton, Reĝo Salomon, Horatius, Catullus, Anakreon, St. Francisko de Assisi, Sappho, Walter von der Vogelweide, Dante, Lope de Vega, Ronsard, Chaucer, Shakespeare, Milton, Spencer, Keats, Shelley, Goethe, Schiller, Heine, Lenau, Baudelaire, Verlaine, Lamartine, Victor Hugo, Verhaeren, Vrchlicky, Mickiewicz, Vazov, Li-Tai-Po, Petőfi, Ady, Hito Maro, Curajuki, Puŝkin kaj ceteraj.**

*La volumo, 13.5×20 cm. granda, 352 paĝa sur unuaranga papero, en duonleda bindo kostas usonajn dolarojn 2.20. Aldonu 10% por sendkostoj.*

Eldonis LITERATURA MONDO, Budapest IX. Mester-u. 53. V. 7. Mendu de la eldonejo, de la reprezentantoj de LITERATURA MONDO aŭ de la seriozaj esperantistaj librovendejoj.


**Nia sekva numero estos duobla kaj aperos 1-an de decembro**

# La senorela homo

— Zoltán Ambrus —

En iu plej nebula mateno de la 1715-jara decembro maljuniĝanta homo en eluzita vesto sin turnis de la katedralo Sankta Paŭlo al la Paternoster Row, en la straton de l' librovendistoj, kun sufiĉe granda pakaĵo sub la brako.

La strataj lanternoj ne lumigis plie la malvastan kaj longan Paternoster Row, ol la lastaj meĉoj la tombejon malfru-vespere dum la tago de l' mortintoj, sed la homo kun la pakaĵo bone sciis, kie li estas kaj kiam li atingis la trian domon de la strato, li senhezite pordmalfermis en la librovendan kaj libroeldonan butikon de William Taylor.

La butikpordo, malfermiĝante, eksonigis sonorilon kaj la kuzino de Taylor, kiu ĝuste kisadis kun la komizo en la profundo de l' butiko, embarase saltis antaŭen el la mallumo.

— Kion vi deziras ? — ŝi demandis la nekonaton.

— Mi serĉas sinjoron Taylor — respondis la homo kun la pakaĵo.— Ĉu mi povas iri en lian kontoron ?

— Sinjoro Taylor ankoraŭ ne estas ĉi tie.

— Certe li tuj venos. Almenaŭ li skribis al mi, ke precize je la 9-a mi vizitu lin.

— Mi miras, ĉar nur ĉirkaŭ la 9-a li kutimas ellitiĝi kaj antaŭ la 10-a li neniam venas malsupren el la etaĝo. Eĉ povas okazi, ke post matenmanĝo li iras promeni kaj tiaokaze nur ĉirkaŭ tagmezo li enrigardas la kontoron.

— Hodiaŭ eble pli frue li envenos. Do, se mi povas lin atendi tie ĉi...

— Do bonvolu sidiĝi.

La ĝena veninto sidiĝis sur la montrita kanoseĝo, glitigis la pakaĵon de sub la brako en la sinon, metis sur la pakaĵon sian ĉapelon kaj sur ĝin la du malgrasajn manojn — kiujn kvazaŭ sure ĉirkaŭplektis la forte elŝvelintaj vejnoj, simile kiel sube la pakaĵon la ŝnuro — poste iom de tempo li ne moviĝis.

Fraŭlino Taylor reiris por iom flustri al la komizo, kiu ŝin atendis en la proksimo de l' kontorpordo.

— Kio estas ? — demandis mallaŭte la komizo. — Ĉu ne prenos tiun la diablo tuj ?

— La maljunulon li atendas — respondis la fraŭlino. — Ia ĵurnalisto li povas esti, ĉar mankas al li ambaŭ oreloj.

— Do tre verŝajne li estas tiu Daniel De Foe, kiu jam plurfoje proponis romanon al la maljunulo.

La komizo fikse direktis la okulojn al la senorela homo, kiu senmove sidis kunkurbiĝinte sur la seĝo, ĉirkaŭ dek paŝojn for de la flustrantoj, en la malhelo, pli blanke, ol tiuj *Aldus*-oj binditaj en pergamenon, kiuj post li, sur la granda librobreto, atendis jam de jaroj la multmonan aĉetanton.

— Vere, De Foe — flustris post iom da observo la komizo. — Mi rekonas lin pro la fantoma koloro de lia vizaĝo.... Rigardu !... ĉu ne similas la vizaĝhaŭto de tiu ĉi mizera diablo al tiu de agonianto ?

— Tiom maljunan kaj evidente malsanan homon tamen oni ne devus tiel severe puni — diris fraŭlino Taylor.

— Ho, tio, ke oni detranĉis liajn orelojn, okazis jam antaŭ pli ol dek jaroj !... Kaj ĉu vi kredas, ke li fariĝis pli saĝa de tiam ? Tute ne ! Pli multe li jam staris sur pilorio, ol kiomfoje ni dancis *country*-dancon aŭ *allemande*-on !... kaj se ĉiom li havus en la poŝo, kiom li devis el si tordi kiel punpagon dum dudek jaroj, li nun ne devus humile atendi, kiam bonvolos la maljunulo paroli kun li.

— Sed kial li verkas tian, pro kio oni punas ?

— Dio scias... demandu lin mem. Mi scias nur, ke li verkis tiaĵojn, kiuj tute ne plaĉis al multaj treege eminentaj personoj. Kelkfoje oni eĉ enkarcerigis lin... eble eĉ hodiaŭ li sidus en karcero, se la karmemora reĝino ne estus lin pardoninta... Kaj eĉ tion oni ne scias, en kies intereso li malagrabladas jen al tiu, jen al alia grandsinjoro... . ĉu *whig*, ĉu *tory*, neniu estas sankta al li... Respektive tiel estis... nuntempe li jam iomete mallaŭtiĝis. Li verkas pli malmultajn artikolojn, pamfletojn li ne eldonis jam de jaroj ; ŝajnas ke la multa puno tamen rompis lian batalemon. Nun prefere li verkadas romanojn, kiujn nek nia maljunulo, nek alia volas eldoni... Sed egale ; tio ĉi tamen estas pli saĝa afero, ol kion antaŭe li faris.. . pro la romano neniu koleras, precipe, se la romanon neniam oni presas.

— Jen, ĉu li eble ekdormis ?

— Jes ja, li dormetadas.

Ili plu flustradis, sed nun jam pri io alia. La komizo kliniĝis pli proksimen al la knabino, kvazaŭ li volus sin kaŝi en ŝia orelo ; la fraŭlino okulumis al la ĝena tria persono. Tiu ĉi iom da tempo jen pendigis la kapon al la brusto, jen eksvingis ĝin supren, kiel iu luktanta, sed ne tre prospere, kontraŭ sia dormemo ; sed subite li rektiĝis, kvazaŭ fine tamen venkinte la dormon per heroa fortostreĉo. La fraŭlinon timigis tiu ĉi ekmovo. Ŝi timis, ke la senorelulo, alrigardos ŝin ĝuste tiam, kiam la komizo rabas de ŝi kison ; por ke tio ne okazu, ŝi ŝiris la brakon el la mano de l' komizo, rerapidis al la butikpordo, malfermis la pordon de tiu lignokrado, kiu disigis la kason de la cetera parto de l' vendejo, okupis sian lokon apud la tableto de l' kaso kaj komencis kalkuladi. La komizo, vidante, ke li nun jam povas fari nenion pli saĝan, eklaboris ankaŭ ; li stariĝis malantaŭ sia longpieda skribtableto kaj dronis en la ĉeflibro.

Akra sonorilbruo alarmis ; la butikpordon oni impete malfermegis.

Longa, maldika, kurbtalia junulo enkuregis, kies ankoraŭ senharan vizaĝon granda, ostkadra binoklo faris frumaljuna.

Rekte al la komizo li paŝis kaj diris :

— Mi petas tian libron, kiu enhavas multe da aventuroj, ne nur sur tero, sed ankaŭ sur akvo.

— Jen, la plej nova tiaspeca delikataĵo, novaĵo eĉ inter la novaĵoj — respondis la komizo kaj transdonis dikan libron al la binoklulo, kiu per movo de akcipitro kaptegis la novan frandaĵon.

— Ĉu mi povas kelkloke enrigardi ? — li demandis.

— Certe — donis la komizo la permeson. — Sed mi diras antaŭe, sinjoro Burney, ke, se ankaŭ nun vi bonvolos foriri sen aĉeto, por la proksima fojo mi jam ĉesigos mian fidon.

— En sako mi ne povas aĉeti porkon — diris la binoklulo — sed se la libro ne estas malmorala kaj nur iom taŭgas al miaj deziroj, mi faros tian prezproponon, kiu certe ĝojigos la firmon William Taylor.

Dirinte ĉi tion li malfermis la libron, ŝovis sian kapon inter la unuajn paĝojn kaj poste longan tempon li ne revenis el la mondo de aventuroj.

La senorela homo longe rigardis, ke la binokla junulo per sia pinta nazo tiom rapidege balaas en la libro, kiel la porko en la manĝujo. Lia binoklo rapide glitis dekstren-maldekstren, ĉiam pli suben, poste supren, sur alian paĝon... sur la kliniĝo de lia kapo kaj sur la movoj de liaj vizaĝmuskoloj vidiĝis, kiel avide li glutas la Vorton... ne daŭris eĉ duonhoron ke li suĉis el la libro la tutan mielon.

Kiam li finis la ĝisfundan esploron de »la sensaka porko«, li demandis, kiom kostas la libro. La komizo diris. Sinjoro Burney proponis multe pli malmulte, klarigante, ke kontraŭ la libro li povas fari sennombrajn riproĉojn. Ĝi enhavas tre malmulte da surakvaj aventuroj kaj multe da preseraroj, la moralaj admonoj, spicantaj la aventurojn, ne eltenas ĉiujn kontraŭdirojn, kaj la nomo de la karmemora reĝino Anna iuloke estas presita per minusklo. Ili komencis marĉandi, sed — kvankam la komizo montris senekzemplan permesemon — el la marĉando ne rezultis aĉeto.

— Mi ricevos ĝin pli malkare en la latina kafejo, dum la vespera libroaŭkcio — diris fine sinjoro Burney kaj adiaŭis.

— Povas esti, sinjoro Burney — postkriis lin la komizo — sed tiam bonvolu ĉiam iri nur al la latina kafejo! ... mi ne povas peti vin, ke ankaŭ alifoje mi havu la honoron. Pasintfoje vi bonvolis ellegi la..

Li ne povis fini, ĉar la sonorilado faris senduba, ke sinjoro Burney, kiu per aplombaj paŝoj forlasis la butikon, jam ne povas aŭdi la justan kritikon de sia abomena kutimo.

— Kiel do oni eldonu novajn romanojn, dum tia estas la publiko? ! ... — diris nun la komizo, turninte sin al fraŭlino Taylor, sed tiel, ke ankaŭ la senorelulo komprenu la parolon. — Legi, tion ili ŝatas! .. sed doni monon por la libro! ... Jes ja, tre aĉiĝis la mondo nuntempe! ...

Sed tamen ĝi ne aĉiĝis tute, ĉar apenaŭ forsonis la ĝemo de l' komizo, venis serioza aĉetanto, poste per unu fojo ankaŭ pluraj aĉetantoj. Eble dum unu horo kaj duono la butikpordo konstante sonorigis kaj la komizo, eĉ per la helpo de fraŭlino Taylor, apenaŭ povis kontentigi la multajn aĉetantojn.

Dume la granda murhorloĝo super la kaso kukolis la dekan horon ... ankaŭ la dukunuan ... la senorelulo pacience atendis.. sed Taylor ne venis.

II.

Fine, ĉirkaŭ la dekdua, aŭdiĝis ia bruo de post la vitrofenestro de la kontora pordo. Iro-veno kaj iom da hejmeca grakado. Poste la kontora pordo malfermiĝis kaj sinjoro Taylor elkriis :

— Kate!

Fraŭlino Kate saltis el post la lignokrado kaj dum forglito ŝi demandis la senorelulon :

— Kiun mi anoncu?

— De Foe... Daniel De Foe.

Fraŭlino Taylor malaperis, sed baldaŭ ree ŝi aperis kaj malferminte la malgrandan pordon de l' kontoro, ŝi alparolis la senorelulon :

— Do bonvolu, sinjoro De Foe! ... Sinjoro Taylor jam atendas vin.

El ĉi tiuj kelkaj vortoj elsonoris kvazaŭ la voĉo de l' kompato.

La senorela homo prenis sian pakajon, trairis la malfermitan pordon kaj deziris bonan matenon humilvoĉe. Iom li hezitis, ĉu li povas fermi post si la pordon, sed fraŭlino Taylor, kiu restis en la butiko, savis lin el la embaraso. La kompatema animo fermis la pordon, ĉar ŝi pripensis, ke la maljunulon ĝenus, se ankaŭ aliaj povus aŭdi, kion nun li aŭdos.

— Ĉu vi, De Foe? — miradis sinjoro Taylor. — Jen, jen, mi forgesis, ke por la naŭa mi petis vian viziton! .... Ne grave, tiom pli rapide ni finos! .. Nu, tamen, sidiĝu!

Sinjoro Taylor estis ruĝvizaĝa, korpulenta hometo, kies okuloj konstante ridetis, eĉ kiam li plendadis plej afliktite kaj preskaŭ malesperiĝinte pri la malboneco de l' tempoj.

Nura rideto li estis ankaŭ nun.

— Do, ĉu ne, De Foe — li daŭrigis, kiam la senorelulo sidiĝis kontraŭ li, — mi skribis al vi, ke vi alportu vian romanon? ! ... Kio do estas ĝia titolo?

— *Robinson Crusoe.*

— Cetere egale. Do, mi skribis, ke vi alportu vian romanon, mi legos kaj eble eĉ eldonos ĝin, se ni povos interkonsenti. Sed de tiam mi pensis alie. Kaj, ĉu ne, pli bone, se mi ne mistifikas vin, se mi ne vekas vanajn esperojn kaj vi ne perdas tempon, dum via manuskripto kuŝas ĉe mi nelegita? ! ... sed mi diras ĉi tion sincere, rekte, kiel decas al angla komercisto? ! ...

— Ho, sinjoro Taylor — eksplodis el la senorelulo la indigno — kiel vi povas esti tiom senindulga?! Mi devis labori dum la tuta nokto... grandan artikolon mi verkis por la *Tatler* kaj ĝis mateno mi devis ĝin fini, por ke ĝi povu aperi ankoraŭ en la venontsemajna numero... eĉ unu minuton mi ne dormis, mi eĉ ne kuŝiĝis, ĉar vi deziris, ke mi vizitu vin jam je la naŭa. Miaj du infanoj kuŝas kun ruĝa ekzamento... mi tamen venis... mi estis ĉi tie akurate je la naŭa. Ĉar mi esperis, ke ni povos interkonsenti kaj por la romano mi povos ricevi de vi iom da antaŭmono. Vi igas min atendi... duhorojn kaj duonon.. kaj nun vi akceptas min per tio, ke: vi decidis alie, kaj eĉ ne legos la romanon. Pardonu, sed rilate al via longa atendigo vi ja vere mallonge aranĝas mian aferon! ...

— Eh, eh, De Foe, vi proponis al mi negocon kaj nun vi aludas mian koron! Kiel koncernas ĉi tion mia bon- aŭ malbonanimeco? ! Rigardu, mi kompatas vin... kvankam mi ne komprenas, kial la multaj infanoj por tia malriĉa homo, kia vi estas? ! ... kaj mi povus diri, kiom koncernas min *Tatler*? ! .. Sed kompato kaj negoco, ĉi tiuj ne kunapartenas... ĉi tiujn du aferojn neniam oni devas miksi. Plej ĝuste do, se tuj mi deklaras, ke mi ne bezonas ĉi tiun negocon. Kaj krome eĉ antaŭpago! .... ruĝa ekzantemo kaj antaŭpago! ... Ĉi tio nur konfirmas min en mia konvinkiĝo, ke plej saĝe eĉ ne legi la romanon.

— Permesu, sed ĉi tion vi estus povinta scii pli antaŭe...

— Do, vi pravas, sed ĝis nun mi ne atingis ĉi tiun plej saĝan decidon. Iom mi hezitis; mi diris, ni do vidu! ... Sed poste venis al mi en la kapon: se ĝis nun neniam mi fidis, ke De Foe havus talenton por verki romanon, kial mi fidu de nun? ! Jam du viaj romanoj estis en miaj manoj. Unue la *Lady Roxana.* Kiu ĉiam plorĝemadas pro tio, ke ŝi falis kaj tamen ree kaj ree ŝi falas. Kia senkonsekvenco! Pri pli stulta virino oni ĝis nun ne verkis romanon. Poste *Moll Flanders.* Kia societo! Friponoj kaj tiaj virinoj, kiujn denove kaj denove oni devas aresti en la *Newgate.* La bona moralo plorante turnas sin for de tiu ĉi bildo.

## *Amindaj junaj amikinoj*

### *Al f-ino Minuska Mantel*

Amindaj junaj amikinoj, karaj koroj,
Velkantaj en malriĉaj ĉambroj kiel floroj,
Al kiuj mankas brila suno, pluvo, vento. . .
Vi ridas, ploras dolĉe en la filmteatroj,
Promenas kun gefratoj kaj gepatroj,
Rimarkas ofte, ke vi plaĉas al sinjoroj . . .
Ho vi, ravante bela estas via iro
Kaj via silkjupeto kaj en la fenestro
La ŝtrumpoj ĵus lavitaj kaj en la albumo
La rozo, kiun vi ricevis de l'dancestro...
Ho belaj estas viaj sonĝoj kaj sopiro :
Sed se en viaj oraj haroj restis fumo
De cigaredoj, se malfrue vi revenas,
Jam ĉe la pordo la patrino vin riproĉas
Kaj viajn ĝojojn kaj sopirojn ne komprenas.
Ho vi sopiras kaj la koron vi elkroĉas
Kaj mergas nokte ĝin en multaj varmaj ploroj.
Sed jen al iu idiota fistudento
Malkara akiraĵo vi estiĝas
Knabinoj kompatinde karaj, sorĉe belaj,
Al iuj viroj malatentaj kaj kruelaj,
Al ĉefo aŭ kolegoj en komerckontoroj.
(Okazas tiam, ke en kordisŝira pento
La tagojn vi kalkulas dum pezpezaj horoj.)
Kaj nur la knaba helpkomizo vin adoras,
Hazarde renkontante vin, li vangruĝiĝas...
Ho vi, nenio sur la mondo ja valoras
Pli multe ol rideto en knabinokuloj,
Ĉe vi nur estas en la granda mondmizero,
Ho karaj, petolemaj, ĉarmaj amikinoj,
Ĉe vi ja sole vera paradizespero !
Al vi mi volas preĝi, etaj sanktulinoj,
Kaj ĉiun ĉambron vian fari rozĝardeno :
En la fenestrojn viajn mi pendigos stelojn,
Matene veku vin anĝela kantileno,
Por frizi vin, mi dungos spertajn ĉefanĝelojn,
Nur al Francisko sankta povos mi permesi,
Tre delikate, milde, mole vin karesi.
Nur la de vi malestimataj, la poetoj,
Nur ili scias, ili nur, pri viaj koroj,
Kaj pri la karaj palaj fruprintempmanetoj,
Pri viaj mil mirakloj kaj trezoroj.

Ho kara knabineto, se vi unu fojon,
Nur unu fojon trovus, ho, al mi la vojon,
La plej feliĉa estus mi sub la ĉielo :
Sed ve, vi fuĝas min je ĉiuj horoj,
Neniu volas esti mia gardanĝelo.

Forkuras dume via tempo kaj la suno ;
Vi estingiĝas kiel kristnask-arb-kandeloj.
Vi dronas kiel melodiaj dolĉaj ĥoroj,
Perdiĝas kiel harparpeĝoj en aŭtuno. . .
Ho belaj estas vi, vi estas sorĉaj floroj
Kaj devas tamen velki en malriĉaj ĉeloj.

***Nikolao Hovorka***

---

— Se ankaŭ la trian vi legus, en tiu ĉi vi trovus nenion tian...

— Mi scias, mi aŭdis pri ĝi de miaj kolegoj . . ĉar ja vi proponis al mi vian romanon nur tiam, kiam ĝin jam rifuzis ĉiu libroeldonisto de Londono. Do, atentu. Vi renkontas ian sentaŭgan diboĉulon, nomatan *Selkirk*, kiu iam estis ŝipano, sed sur la insulo *Juan-Fernandez* li fuĝis de sia kapitano, poste dum kvar jaroj kaj duono li vivis sur la sovaĝejo, ĝis vaganta ŝipo hejmenportis lin... Tiu ĉi drinkeja figuro, kiu neniam povis amikadi kun iu kaj pasigis pirate la plej grandan parton de sia vivo, kaj nun vivas per tio, ke siajn travivaĵojn li rakontas al tiu, kiu pagas por li brandon, tiu ĉi grandbuŝa bandito, tiu ĉi fripono kunmensogas al vi pajlon-herbon kaj vi tiujn ĉi multegajn mensogojn plenblovas longa romano, pli longa ol multaj epopeoj. Mi ne diras, eble ankaŭ tia sentaŭgulo povas vidi kelkajn interesajn aferojn, se li ĵetiĝas malproksimen... Ankaŭ *Steele* aperigis artikolon en la *Tatler* pri tio, kion Selkirk fabeladis al li... en mallonga artikolo ankoraŭ povas iri tiaĵo... sed verki longan romanon pri tio, kion tiaspeca fripono babilas en la drinkejo ! ... Diru, ĉu povas ekzisti pli teda afero, ol kiun faras tiu homo, kiu kvar jarojn kaj duonon vivas sola sur dezerta insulo ? ! Rigardu, sufiĉas por mi scii, pri kio temas en via romano, kaj denove mi devas firmiĝi en mia kredo, ke vi ne havas talenton por verki aventur-romanojn.

— Ĝuste pro tio mi provis ion alian... Ĉar estas vere, ke novspecan aferon mi proponas al vi. . . kio multe diferencas de la nun serĉataj aventur-romanoj.... mi povus diri : tute alia. Sed pro tio ĝi ankoraŭ povas plaĉi ankaŭ al vi, ankaŭ al la leganto. Mi petas vin, ne kredu, kion vi aŭdis pri mia romano, sed legu ĝin, antaŭ ol vi diras la lastan vorton ! Kial vi ne legus ĝin ? Ĉar *Morgan*, kiu ne legis, rifuzis ĝin ? Ĉar ĝi ne plaĉas al *Griffith*, kiu tiom abomenas ĉiun pli seriozan vorton, kiel la diablo la incenson ? Ĉar *Fenton* timas tion, kio deziras iom da atento, pri kio la leganto devas iom cerbumadi ? Sed ne... el vi parolas *Turner* ! *Turner*, al kiu mi ne proponis mian romanon... kiu ne legis, eĉ ne vidis ĝin... sed malamas min, ĉar foje li atendis, ke mi salutu lin unua, kun alta estimo, kaj mi neniel salutis lin. Ekzistas homoj, kiuj tra la tuta vivo malutilas al la alia, kiam ili nur povas, kaj centfoje ili malgrandigas aŭ centfoje kalumnias tiun malfeliĉulon, nur pro tio, ĉar tiu ĉi alia foje, unufoje, ofendis ilian vantecon. Ho, se scius tiu ĉi *Turner*, kiom mi malŝatas kaj abomenas lin ! . . .

— Tion mi ja ne povas diri al vi, de kie mi scias, kio estas en via romano... ni, eldonistoj, ŝuldas unu al la alia tiom, ke ni ne elmetu al venĝo tiun kolegon, kiu per sia informo faris al ni komplezon... sed ĉi tio eĉ ne koncernas la aferon. Sufiĉas, ke tio, kion mi eksciis pri la enhavo de via romano, mi ne neas, faris min tre malfidema kaj se vi nun diros, ke en tiu ĉi romano vi provis ion novan, ĉi tio ne forigas mian malfidon, eĉ, male, ankoraŭ pliigas ĝin. Provi ion novan ! ... Ni lasu ĉi tion, De Foe, al la junuloj ! Rigardu, jam eĉ tio, ke iu komencas verki romanojn, kiam lia kapo jam griziĝis, pleniĝas per nura malfidemo la spertan kaj zorgeman eldoniston. Kiomjara vi estas, De Foe ?

— Kvindek kvar.

— La saĝa homo, De Foe, en tia aĝo jam forgesis eĉ tion, sur kia arbo kreskas la romano kaj konfidas al la junuloj, ke ili amuzu per tiaj infanaĵoj la junajn kaj maljunajn virinojn. Kaj vi kom-

# Triopa trista gard'...

– Ludoviko Totsche –

Okupas ĉambron la vesper'
En marŝo mola,
Envolvas ĉion sorĉa ret' :
Silent' viola.

Al antipod' jam kuras la
Purpura sun-kaleŝ',
Mallaŭte zumas vent-vagul'
Tra la krepuska freŝ'.



De fore ondas tra l' fenestro
Sonorila tint',
Sur mont' kontraŭa lampoj vibras
Serpente ĝis la pint'.

Dancigas ombrojn sur la muro
La stratlanterna bril',
Fendas la nigron de l' ĉielo
Arĝenta lun-falĉil'.

La pensoj ĝermas, velkas,
Kaj dronas en la mut'
Kaj pasas la senhalta Temp'...
Ĉu horoj ? Ĉu minut' ?

Silento, solo kaj vespero :
Triopa trista gard'.
Ve, vane serĉas ion, iun
Post montoj la rigard'.

Jen, nokton krias ie la
Horloĝ' kukola,
Dolor' ekveas en la kor',
Ĉar sola.



---

encas provi ion novan en via kvindekkvara jaro ?!...

— Se mi ja povus rekomenci la vivon aŭ mi povus lasi neskribita ĉi tiun romanon! ... Sed ĝi jam estas preta. Kaj, ĉar nun mi vivas per la verkado, mi devas klopodi, ke mi ricevu por ĝi monon... ke mi povu negoci pri ĝi kun iu, kiu presus ĝin kaj vendus.

— Ankaŭ pri tio ĉi vi ne prosperas, kiel vi ne prosperis pri la ŝtrumpovendado, nek pri la brikfabrikado, kaj vi ne prosperis ankaŭ, kiam vi estis limimposteja oficisto. Kaj ja, se ni vidas, ke iu neniam prosperas, ni povas veti per cent kontraŭ unu, ke la peko estas en la homo, kaj ne en lia sorto.

— Ne skribu je mia konto, se mia fabriko forbrulis kaj miaj kreditoroj havis nek koron, nek menson, kaj, ke foje min oni priŝtelis, kaj alifoje mi ne povis senvorte rigardi, ke tuta rabbando kiel impertinente priŝtelas la landon.

— Ne ekzistas tiel malbona pafanto, kiu ne havus ian pretekston kaj mi scias, ke vi belege scias ekskuzi ĉion, kio okazis al vi. Kvankam, ke nur vi mem kulpas pri tio, ke vi neniel sukcesis, tio multe pli verŝajnas, ol per kio vi klarigas vian malfeliĉon. Kompreneble, ĉiu prefere serĉas la kulpon en aliaj, ol en si mem. Sed ni ne forgesu, ke vi estas plurfoje punita homo. Ĉu ankaŭ pri tio kulpas ili ?... la tuta mondo, kiu ĉiam nur la senkulpulon persekutas ?

— Ne estas mia honto, ke mi devis elteni multan maljustaĵon, kiun oni nomas puno. Kiam mi jam ne havis alian solvon, mi fariĝis ĵurnalisto kaj ankaŭ en tiu ĉi metio mi trovis la seriozan taskon, kiel ankaŭ en ĉio alia, kion antaŭe mi faris. Nur la veron mi serĉis kaj mi skribis mian konvinkiĝon ; ĉiam mi skribis nur, kion mi opiniis vera kaj por la hommilionoj edifa kaj utila. Nu, kaj ĉi tio ne plaĉis jen al tiu, jen al alia potenculo, al tiuj, kiujn mi devis riproĉi pro iliaj kulpoj.

— Malbela metio estas deklaradi tiajn aferojn, kiuj estas malagrablaj por aliaj kaj kiujn eble nur ni mem opinias veraj.

— Je tio mi povas respondi nur, kion mi jam skribis : »Kiu scias ke la vero estas apud li, kun li, tiu estas tiel stulta, kiel malkuraĝa, se li timas diri sian konvinkiĝon nur pro tio, ĉar multaj havas alian opinion. Vere, ke estas malfacile diri : la tuta mondo eraras krom mi ; sed se tamen eraras la tuta mondo, kion fari ?!«

— Mi ne scias, kial tio estus stulta. Min oni ankoraŭ neniam starigis sur pilorion. Kial ? Ĉar se mi foje-foje pensis malbonon pri homoj pli potencaj ol mi, tiun ĉi mian penson mi kaŝis sub afabla rido, aŭ almenaŭ saĝe prisilentis.

— Se la mondo konsistus el nuraj tiaj homoj, kia vi, sinjoro Taylor, eĉ hodiaŭ ni status tiel, ke sur la tero ne vivus homoj alispecaj, ol milionoj kaj milionoj da sklavoj kaj kelkaj faraonoj.

— Hu, kiel vi malestimas min, nur pro tio, ĉar mi ne blovas tion, kio min ne bruligas ! Kvankam tia parolo el selo tute ne decas al tiu, ĉe kiu hejme ne estas ordo. Vi ĉiam okupas la seĝon de moraljuĝisto... vi jam preskaŭ hejmece sidas en ĝi... vi juĝas pri anĝeloj kaj diabloj kaj rompas bastonon ankaŭ super mi, ĉar mi ne kuras kap-al-mure. Kvankam, vidu, se vi demandas kiun ajn, kiu min konas aŭ aŭdis iom pri mi : »Kia homo estas tiu Taylor ?«.. vi povas ricevi nur la respondon : »Taylor pesas la groŝon antaŭ ol eldoni ĝin, sed li estas, kiel ŝparema, ĝuste tiel neriproĉebla homo, la modelo de la honesta komercisto.« Kontraŭe, se pri la samo mi demandus iun ajn koncerne vin... cent kontraŭ unu, ke mi ricevas jenan respondon : »De Foe ? Hm. Kion do mi diru ? Tia dubfama homo.« Kial vi rigardas min tiel ? Aŭ ĉu vi ne scias, kion oni parolas pri vi ?

— Ekzemple kion oni parolas ?

— Ekzemple, ke vi skribas ne nur vian opinion, sed ankaŭ, kion oni skribigas per vi. Ke vi skribas ankaŭ la neveran, nur oni bone pagu vin. Ke hodiaŭ vi estas la subaĉetito de tiu potenculo, morgaŭ de la alia.

— Mi ja diras, ke *Turner* parolas el vi. Aŭ iu el la multaj Turneroj. Ĉar ja ekzistas tuta legio da tiuj sentaŭguloj, kiuj venĝas per kalumnio pro la ofendo de ilia intereso aŭ vanto. Kaj mi, de kiam mi fariĝis ĵurnalisto, tretis sur la kalkanon de multaj maljustaj interesoj, vundis multajn vantecojn, do akiris multajn malamikojn. Jes, mi scias, kiomfoje mi skribis tion, kio ne plaĉis al la whigoj, la whigoj diris min pagito de la tory-partio, kaj se mi skribis tion, kio ne plaĉis al la tory-partio, la tory-partio akuzis min, ke mi estas la spiono de la whigoj. Mi ankaŭ scias klare, kiel fervore zorgas la Turneroj, ree kaj ree, ke la kalumnio, embuskanta malantaŭ mi, estu longe, eble eterne viva. Sed ĉi tion, eĉ se ĝi afliktas min, mi devas toleri. Kaj estas io, kio en tiu ĉi punkto min iom trankviligas. Fine ja, multaj scias, ke mia plumo ne estas aĉetebla kaj ankaŭ tion, ke, se ĝi estus aĉetebla, mi ne vivus en mizero.

— Eble estas multaj, kiuj scias tion, sed estas

ankoraŭ multe pli multaj, kiuj *kredas* tion, kion vi deklaras kalumnio, ĉar ja vi verkas jen en la gazeton de la whigoj, jen en tiun de la tory-partio... oni diras: laŭ tio, kiu partio proponas al vi pli da mono... kaj neniu scias diri, ĉu vi estas whig aŭ tory?

— Mi ne povas skribi alien, ĉar ĉiu gazeto estas whig aŭ tory laŭ partio, sed en kiun ajn mi skribas, ĉie mi faras tion sub la kondiĉo, ke mi skribas ĉiam mian propran opinion, ne la ideojn de aliaj, direktivon mi ne akceptas kaj mi ne zorgas pri la programo de l' partio. Se oni eldonas mian artikolon, estas bone, se oni ne eldonas ĝin, tio estas nur mia malfeliĉo. Mi estas nek whig, nek tory; grandaj abismoj min disigas de la tory-partio, sed en multaj demandoj mi ne povas konsenti eĉ kun la whigoj. Mi diras pli: tory kaj whig estas egale malamataj de mi, ĉar bone sciante, ke mi ne estas ilia homo, jen tiu, jen ĉi tiu toleris, ke la alia, en sia kolero, deklaru min pripagito, dungito, aĉeteblulo... kvankam ili sciis plej bone, ke al mi ili neniam povis doni ion kaj ke nek por iliaj celoj, nek por kia ajn pripagita servo mi estas uzebla. Sed, ĉu do pravus ambaŭ partioj, ankaŭ tiu ĉi, kaj ankaŭ tiu, kiu diras rekte la malon, nur ĝuste tiu ne povus esti prava, kiu apartenas nek al la unu, nek al la alia partio?!

— Ĉi tio sonas kvazaŭ konvinke kaj mi mem ja eĉ kredas, ke tiel estas, kiel vi diras... mi ne estas suspektema... Sed ne ĉiu estas tia, kia mi.. la homoj estas plejparte nekredemaj kaj pli volonte klarigas la aferon alimaniere... tiel, ke vi estas jen whig, jen tory, nur laŭ la okazo. Kaj vi ne havas atestantojn.

— Sed, jes, mi havas atestantojn: miajn verkojn. Ili atestos pri mi, ke la intereso de l' popolo kaj la afero de l' progreso trovis min ĉiam sia fidela servisto kaj montras, ke tie, kie oni devas defendi ĉu la burĝan liberon, ĉu la religian liberon, mi neniam mankis el la plej unua vico. Aŭ kiel mi mallonge skribis: »Kio estas granda intereso de mia patrujo, tio estas ĉiam mia persona afero; mi servis ĉiam la justecon kaj liberon; kiu estas en tiu ĉi partio, kun tiu mi volas esti kune.« Pri tio ĉi mi estas trankvila, sinjoro Taylor. Miaj skriboj atestos por mi, eble eĉ post centjaroj.

Sinjoro Taylor ridetis.

— Post centjaroj? Tio estas ankoraŭ tre malproksime, De Foe. Provizore neniu kaj nenio atestas por vi...kaj mi konfesas, ke tiu penso, ke vi ne apartenas al la plej bonfamaj homoj, parte ankaŭ influis min, ke mi ŝanĝu mian intencon, legi vian romanon. Vi scias, oni rekonas la birdon per ĝia plumo, la homon per lia amiko, kaj la eldoniston per lia verkisto.

— Do, Turner kaptis la okazon, ke li povas



*Wanda Chełmonska: Vilaĝa preĝejo en Pomeranio (Pomorze)*

# Trans la Fabelocean'

**Prologo de miaj „Modernaj Fabeloj"**

Pirbranĉo flirtis, ridis fab', kukurbo,
Trans kampoj bene dronis ruĝa flam',
Sed malproksime bolis blinda urbo,
En drato vibris teda telegram'.
La drat' susuris, el la urb' mi venis,
El nigra, surda lukto por la pan',
El vunda mond' mi tien ĉi min trenis,
Ekspiris freŝon el silenta san'.
Mi, urbinfano, sidis nun en kampo,
El la papav' ridegas al mi *Pan*.
Jen limaka rampo, ho, ekbrilas lampo
Espere tra l' krepuska diafan'.
Mi min retrovis : al lokomobilo
Mistera gapas, kiel la infan'.
Ĉu aŭtolampo, ĉu ĉiela brilo ?
Ekmuĝas sorĉe Fabelocean'.
Jen lamp' trankvila, jen afabla pordo,
Jen ridas Pan el nokto de cejan'.
For motorforto ! Ĝemo morta for do !
Mi estas jam trans Fabelocean'.

Gnometoj venas, saĝa eta birdo,
Paŝtist', aŭ princo, kun porvoja pan',
Princino venas kun vuala mirto,
Ni ridas nun trans Fabelocean'.
Fabel' susuras, floras flormiraklo,
Porket' gratadas en orrida glan',
Jen ligon ligas turd', pasero, aglo :
Pacligo — sed trans Fabelocean'.
Vespere fora ŝipo sur la maro.
La drat' sciigas, ke ne estas pan'.
Trans vitromontoj ploras la frataro,
Mi estas — ve — trans Fabelocean'.
Fabelo bela — ĉu vila nebulo,
Ĉu celkonscio, ĉu fatamorgan',
Ĉu gaja simplo, ĉu nostalgiulo
Egale ! Jen la komencanta rulo :
Ĉu estis, ĉu ne estis — koro
Trans la Fabelocean'.

*Francisko Szilágyi*

---

denove malutili al mi kaj ne ŝparis la penon, sed plenparolis vian kapon...

— Ne estis Turner, kiu parolis al mi pri la enhavo de l' romano... sed egale, kiu estis...

— Vi pravas, egale. Do, mi ne petegos vin, sinjoro Taylor, ke vi ŝanĝu vian decidon... ja estus tute vane... kaj certe estis mallerto, ke mi menciis vian bonkorecon, kiam mi klaĉadis al vi, inter kiaj mizeroj mi troviĝas. Vi pravas, ĉi tio tute ne koncernas la negocon. Kaj kiel ajn malriĉa mi estas, propre ankaŭ al mi ne estas tiel granda afero, se fiaskas ankaŭ tiu ĉi mia espero. Mian sorton iom grave jam nenio ŝanĝos. Se vi legus kaj eldonus mian romanon, tio signifus por mi nur, ke iom da tempo mi ne devus kuradi duontagojn por mono... sed ne feliĉigus. Ĝojon mi jam de longe ne konas. En mia vivo estas nenia ĝajo kaj nenia espero. Ĝi ne enhavas alion, ol laboron, laboron, laboron, kaj malagrablon, eksciton kaj koleron. Hodiaŭ oni imitas, priŝtelas min, tiel, ke mi devas procesi kontraŭ tiuj literaturaj piratoj, kiuj ŝanĝas por sia utilo miajn verkojn kaj presigas, morgaŭ ili kalumnias min, postmorgaŭ mi ne povas ripozi eĉ horon, por ke mi povu ŝtopi la buŝon de miaj plej bruantaj kreditoroj kaj ĉi tio alternos tiel, dum mi vivos. Iom post iom mia tuta forto elĉerpiĝos, sed la malriĉeco, la penego kaj humiliĝo por la morgaŭa pano ne forlasos min ĝis mia lasta spiro ; mi devos labori eĉ en mia morta lito ; la zorgo, la malhavo, la malbono, la malagrablaĵoj kuŝaĉos apud mi, ĉirkaŭ mi, post mi, eĉ kiam mi jam komencos agonii ; kaj sur la malgranda nokta tablo apud mia kadavro mi ne postlasos alion, nur kelkajn groŝoja, kaj paperojn, alvokojn, ordonojn, kiuj memorigas, atentigas min, ke eĉ mortinte mi ŝuldas kelkajn groŝojn. Mi jam ne povos akiri por mi la ĝojon, nek la komforton, eĉ ne la ripozon ; kiom mi povos ankoraŭ havi, kion mi ankoraŭ povos akiri por mi, tio estas : nur kelkaj pli trankvilaj horoj. Ĉi tio ne estas tiu afero, por kiu oni petegus. Sed permesu, ke mi diru ankoraŭ unu lastan vorton pri tio, kio estas jam negoco, nur negoco. Rigardu, sinjoro Taylor, mi tre, tre malkare vendus al vi la romanon, ĉar mi estas en granda, en tre granda mizero.

— Sed do, kio vi rigardas min ? Ĉu tia homo, kiu eluzas la malĝojan situacion de la alia ? Ne, De Foe, pri ĉi tio ni ne plu parolu. Sed diru, ĉu vi scias france ?

— Jes.

— Kaj ĉu vi estus ema traduki por mi bonan francan romanon, kiu enhavas multajn aventurojn, ne nur sur tero, sed ankaŭ sur akvo ?

— Al la disvastigo de stultaj aŭ malicaj, legantetarigaj, misaj, malsaĝigaj libroj neniel mi donas min helpanto, eĉ ne per traduko. Sed se la libro ne estas tia, se ĝi estas vere bona verko, kiun indas traduki... kial ne ? !

— Mi do notos la adreson de via loĝejo kaj tuj, kiam trafos en mian manon tia franca libro, kian mi serĉas, mi pensos pri vi. Mi opinias, nun ni jam estas tute en ordo.

— Do ankaŭ tiel estas bone, sinjoro Taylor.

— Kaj nun adiaŭ, De Foe. Vi ne devas foriri tra la vendejo ; se por vi estas pli komforte, vi povas eliri ankaŭ tie ĉi, tra la korto.

— Adiaŭ, sinjoro Taylor.

Kiam De Foe, kun la nemalfermita pakaĵo, venis en la straton tra la korto, en la katedralo Sankta Paŭlo oni sonorigis tagmezon. La strataj lanternoj jam ne brulis : estis hela tago kaj ankaŭ la nebulo jam komencis disiĝi.

— De tiam en la apoteko jam de longe estas preta la medikamento — diris al si la senorelulo, — sed de kie mi akiru monon por ĝi ? Eble mi petu novan antaŭmonon de la *Tatler ? !* Mi ja multe pagis per mia hodiaŭa artikolo el mia ŝuldo !... sed eĉ tiel restis ok funtoj kaj duono da ŝuldo ! Ne, estas neeble. Do, kion fari ? Ĉu mi iru al la *Guardian* aŭ mi provu ĉe la *Spectator ?*

Li ekmemoris la kamaradon de Robinson, Vendredon kaj kiun Vendredo adoris : la grandan maljunulon, nomatan *Benamuki,* kiu loĝas sur la montoj kaj al kiu diras ĉiu tera afero :

— Ho !

## III.

Eble du semajnojn poste, ĝuste kiam reveninte el promeno ĉirkaŭ tagmezo, sinjoro Taylor iris en la kontoron, fraŭlino Kate lin akceptis per tio, ke : jus

estis ĉi tie lakeo, kiu diris ke sinjoro Taylor, tuj post reveno, rapidu al lia ekscelenca moŝto sinjoro trezoristo Lord Godolphin.

Sinjoro Taylor tuj ekfrostotremis. Por momentoj li perdis la spiron kaj eĉ poste li povis nur balbuti :

— Lord Godolphin... lia ekscelenca... sinjoro trezoristo Lord Godolphin... plej ekscelenca... Lord God...

Sed fine li rekonsciiĝis el tiu ĉi krizo, li konsultis Kate, ĉu li povus ankoraŭ rapide surmeti la paradan veston, poste li svenis en kaleŝon, tute ne pensis dum kvin minutoj kaj kiam la kaleŝo haltis antaŭ la palaco Lord Godolphin, li preskaŭ falis sur la pordiston — kiu lin helpis el la kaleŝo — kaj jam ĉe la pordego li komencis kliniĝadi.

Kiel li sciis suprenŝanceliĝi en la etaĝon, tion poste li mem ne komprenis. Pri ĉi tiuj plej gravaj minutoj de sia vivo poste li tute ne memoris kaj li mem konfesis, ke tiam li ne havis konscion.

Sed fine li staris en la plejsanktejo kaj liaj genuoj tremis, dum lia rigardo timeme serĉis lordon Godolphin, kiun per la nebuliĝintaj okuloj li ja ne vidis, nur konjektis en la proksimo, kiel Moseo la Sinjoron en la dornarbeto. Li riverencis dekstrenmaldekstren, por ke, kie ajn sin kaŝas la trezoristo, lia respektesprimo ne eraru la direkton, kaj por pli granda certeco li senĉese moviĝadis, kiel la ventomuelilo.

La voĉo de la podagra grandsinjoro aŭdiĝis el post grandega apogseĝo al la kaduktendena eldonisto. Unue mallonga ĝemo, poste kelkaj vortoj, kiujn la grandsinjoro elparolis per voĉo plorema, simila al la miaŭo de l' kato kaj fine dua ĝemo, pli longa kaj pli aflikta, ol la unua.

— Plendo venis pri vi, Taylor.

Taylor unue paliĝis, poste verdiĝis kaj fine bluiĝis. Lia gorĝo estis tiel seka, ke li apenaŭ sciis elpremi la esprimiĝon de sia ektimo kaj miro :

— Plendo ?... Pri mi, ekscelenca moŝto ?... Plej ekscelenca princo, mi... mi... mi...

— Jes, Taylor. Aperis ĉe mi maljunulino kun ses infanoj kaj genufleksis antaŭ mi, ĉiuj ses infanoj kaj ankaŭ la maljunulino. Se ŝi estus almenaŭ juna kaj neta ! La juna kaj neta virino, kiam ŝi genuas kaj ploras, ploregas, tio estas ĉarma, mi amas tion. Sed maljunulino, kiu rampas sur la tero !... Ve, ve !.. Kaj kun ses infanoj, kiuj anstataŭ transkapiĝado genuas antaŭ mi !... Ve, ve, ve !... Ĉi tio ne estas por mi... mi jam estas malsana, maljuna homo... ĉi tio ne estas taŭga spektaklo por mi, ne, ne, ne ! Mia koro malsaniĝos de tio ĉi... ne faru plu tian, Taylor !

— Sed plej ekscelenca princo !... mi... vere ne komprenas... mi ĵuras, ke mi estas senkulpa !...

— Ne, Taylor, vi estas kulpa, tre kulpa. Tiu ĉi maljunulino plorpetis tion, ke ŝian edzon, certan De Foe, mi reaktivigu limimposteja oficisto. Sed kiel mi povu tion fari ? Ĉi tiun homon foje ja pro tio oni maldungis, ĉar li tedis la registaron per denuncoj kaj ĉiamaniere li volis pruvi, ke en la limimposteja oficejo estas multaj ŝtelistoj. Tia azeno !... patro de ses infanoj kaj ne povas resti trankvila !... Kvazaŭ ĉiu ne scius, ke ĉe la limimpostejo estas ankaŭ ŝtelistoj ?... Sed kie oni ja ŝtelu, se ne en la limimpostejo ? !... Kaj ĉu pro tio la registaro eksigu mi ne scias kiom da ŝtelistoj, ke poste aliaj ŝtelu anstataŭ ili ? !... Tiam mi ja preferas la malnovan ŝteliston, kiu jam plensuĉis sin, kiu jam bezonas malpli, ol la nova ŝtelisto, la freŝa forto. Do kiel estus povinta toleri la registaro



Wanda Chelmonska: *Kamparana procesio*

# Poemoj

– Hilda Dresen –

## Momentoj

Ekzistas momentoj,
Dum kiuj vin sentoj
Kaptas subitaj,
Neatenditaj.

Vi haltas dumire,
Aŭskultas senspire,
Ĉion forgesas,
Voli ekĉesas.

La pensoj ekpalas,
Kviete disfalas,
Iom hezite
Kaj mirigite.

Ekvibras en koro
Sensona sonoro,
Milde diskreta,
Flustra kaj peta.

Vin ĝojo trafluas,
Feliĉon vi ĝuas,
Ian sennoman,
Sorĉe aroman...

Ĉi sent' efemera,
Senkaŭza, etera,
Iel vin ligas,
Vivi instigas.

## Ĝena penso

Jen flugas tra la menso
Pri vi subita penso,
Hazarda, preskaŭ ĝena,
Obtuze dolorplena.

En malkompreno ia,
Duone ironia,
La buŝ' ektremas lace,
Sensange kaj grimace.

Sed en la koro muta
Nenia sent' akuta, —
Plenigas ĝin rezigno
Miksita kun indigno...

---

ĉi tiun perturbeman ulon, ĉi tiun certan De Foe, kiu faris ĉiam skandalon?! Kaj nun mi reaktivigu lin, oficisto aŭ kio ajn! Sed ja la tuta limimpostejo ribelus! Mi diris al la virino, kiel ŝi povas deziri tian absurdaĵon? Tiam ŝi plendis al mi, ke ili estas en granda mizero, ĉar tiu ĉi certa De Foe verkis ian romanon kaj vi ne volas ĝin eldoni. Do kiel vi povas por mi fari tion, Taylor? Ĉu mi ofendis vin iam? Maljunulino, kiu tordas la manojn, ve, ve!... kaj tie ĉi ŝi ploras, en mia propra ĉambro, al mi kompatinda, malsana homo!... Kvankam mi devis vidi, ke la virino diras veron, ĉar ankaŭ la infanoj koncerte ploris. Taylor, Taylor!... ne estas ĝuste, ĉi tion mi ne atendis de vi!...

— Plej ekscelenca princo!... milfoje mi petas pardonon, ĉi tio estas miskompreno, terura miskompreno! Mi diris nur al tiu De Foe, ke mi ne legos lian romanon... sed ke mi ne eldonas ĝin, tion mi ne diris eĉ per unu vorto!... Kial do mi ne eldonu tiun romanon, pri kiu la plej ekscelenca princo interesiĝas?!... Tute male, mi pensis, ke estas tute superflue, ke mi ĝin legu!... mi eldonas ĝin eĉ nelegInte, blinde!... kaj mi nun jam ne legos ĝin eĉ pro tio, ke tiom pli rapide mi povu ĝin eldoni. Ĉar vere mi volas vidi tiun romanon, kiu ne aperas ĉe mi, se foje la plej respektinda princo persone bonvolis pri ĝi memori antaŭ mi!...

— Nu, jen, io alia, Taylor, ĉar tion mi vere malaprobus, se la maljunulino ankaŭ duafoje aperus antaŭ mi. Cetere mi esperis, ke ia miskompreno estos en la afero, ĉar mi scias, ke vi ĉiam subtenis la literaturon kaj precipe tiujn verkistojn, kiuj pli taŭgas en la pluma laboro, ol en la limimpostejo. Kaj tion, ke vi estas ĝuste tiel sincera amiko de la literaturo, kiel de la limimpostejo, okaze mi ne forgesos.

IV.

Taylor feliĉe kaleŝis hejmen. Li saviĝis de kiel granda teruriĝo!... kaj jam kvazaŭ li vidis sur sia brusto tiun ŝpareme donacatan ordenon, kiu premias la literatur-subtenon, la Mecenatojn. Li jam aŭdis la vivubruon, per kiu oni elektos lin prezidanto de la societo de l' librokomercistoj kaj eldonistoj, kaj kun bonvolo, preskaŭ kun danko li pensis pri De Foe.

En tiu momento, kiam li elpaŝis el la palaco de Lord Godolphin, ia neordinara atako de la grandanimeco lin atingis eble, ĉar subite li decidis, ke li donos al De Foe por la romano nekutime grandan sumon. Sed kiom pli longe li kalkuladis en si kaj kiom pli ofte li ripetadis: »Mi donas al li... mi donas al li... mi donas al li...« tiom pli malte li demarĉandis el tiu sumo, kiu unue venis en lian kapon kaj kiu aperis en lia imago sorĉvizie kiel la reĝo de l' honorpremioj.

Kiam alvenis hejmen, li jam estis tute sobra.

Tuj li venigis De Foe kaj diris al li:

— Via bona edzino, kvankam jam aĝa virino, trovis tiun ĝustan vojon, kiun vi konsekvence evitis dum via tuta vivo. Fine ŝi decidigis sin por tio, per kio oni devas komenci, se oni volas prosperi en la vivo. Nome per paŝo, kiu nek al ŝi, nek al vi povas esti honta, ŝi akiris la bonvolon de tre eminenta persono. Certe ne estas sekreto antaŭ vi, ke tiu ĉi tre eminenta persono estas: mem Lord Godolphin, la trezoristo de lia reĝa mosto Georgo, posedanto de pluraj princejoj, mia plej majesta protektanto.

Taylor, kiam elparolis, aŭ prefere elspiris la nomon de »Lord Godolphin«, leviĝis el sia seĝo kaj profunde kliniĝis, ne pli malmulte, ol kvarfoje, al ĉiuj kvar monddirektoj, por ke — kie ajn nun estas la trezoristo de Anglujo en tiu ĉi momento — iu el la kvar riverencoj nepre bondirekte ekflugu kaj venu antaŭ la piedojn de la grandsinjoro.

— Je la ordono de mia favora protektanto — daŭrigis Taylor — kompreneble mi eldonos vian libron... kio do estas ĝia titolo?

— *Robinson Crusoe.*

— Cetere egale. Mi diras, mi eldonos vian romanon, supozante, ke vi ne venas kun neplenumeblaj, neeblaj deziroj. Dezirante eviti la longan marĉandon, mi bone konsideris, ĝis kie mi povas iri en la taksado de l' verko. Mi do deklaras, ke mia lasta vorto estas: la romano por ĉiam estos mia posedaĵo kaj por ĉi tio mi pagas unufoje por ĉiam dek funtojn, dek funtojn sterlingajn.

— Mi longe laboris pri ĝi — diris De Foe — kaj mi esperis por ĝi iom pli. Sed vi pravas, ni ne marĉandu: mi akceptas la proponon.

— Do mi metos sur paperon tiun ĉi nian interkonsenton kaj tuj vi povas transpreni la monon.

Dum fraŭlino Kate skribis la du kontrakt-leterojn, De Foe diris al la eldonisto, nekutime gaje:

— Mi pensas, sinjoro Taylor, vi ne bedaŭros, ke vi eldonas mian romanon. Vi vidos, Robinson Crusoe havos eĉ duan eldonon.

— Nu, nu, oni tamen ne devas fanfaroni! — respondis Taylor kun superema, sed pardona rideto.

El la hungara: *Karlo Bodó.*

# Angla Fraŭlino

S-ino Newell, London

»Kiel hele dancis la sunlumo sur la herbejo, kiel karesa estis la somera vento, kiel dolĉe trilis la amkanto de la birdoj! Tiam — antaŭ dudek jaroj — ŝajnis al mi ke la arbofolioj klinas sin kvazaŭ nur por kisi min«.

La fraŭlino, kiu tiel murmuris al si, estis iom timigata, rimarkante ke alia fraŭlino sidas apud ŝi. De post longa tempo ŝi alkutimiĝis al la soleco kaj plejofte ŝi babilis al si mem.

»Kion vi diras, fraŭlino?« Kiu dezirus kisi vin? Same kiel miaj, viaj haroj estas blankaj, via korpo grasa kaj senforma — vi eĉ havas harojn sur la mentono, kiel viro — ne, ne plu ni estas kisindaj«.

»Ne tiel moku min, mi petas — sidu ĉi tie kaj mi rakontos al vi iom pri mia vivo. Almenaŭ ni pasigos unu el la tedaj horoj«.

*

Mi havis dek ses jarojn, sanan fortan korpon, blondajn harojn kaj viglajn, bluajn okulojn — mi estis sufiĉe bela, eĉ se nur pro mia sana aspekto. La ĉefa ĝeno de tiu somero de 1903 estis nur la demando, ĉu pluvo prokrastigos la tenisludon, aŭ ĉu mia robo estos sufiĉe laŭmoda. La vivo estis ĝojplena — la plezuroj tre simplaj. La hela sunlumo sufiĉis por liberigi min de la domlaboro. Kia beleco estis ĉie — mi ne havis sufiĉe da pacienco por marŝi, sed preskaŭ dancis laŭ la stratoj survoje al la parko, kie mi ludis tenison ĉiuvespere kun la geamikoj.

La sekvintan jaron — ĉu ja nur unu jaro forpasis? — la patrino mortis en la printempo (la patro estis mortinta jam antaŭ sep jaroj), kaj mi devis fariĝi patrino al sepjara fratineto kaj du fratoj. Unu el la fratoj havis dudek jarojn, kaj la alia dudek unu. Jen do, deksepjara patrino, kies vivspertoj estis eduko pri tre simpla aritmetiko, skribado, iom da desegnado, kudrado, kaj multaj reguloj pri la ĝentila konduto. Tiu kondamninda artefarita ĝentileco detruis mian vivon; ĉiam mi devis memori, kion farus altklasa virino en diversaj cirkonstancoj (almenaŭ, kion ili farus, laŭ la asertoj de la lerneja instruo.) Kelkaj reguloj por la vivo, lernitaj en la lernejo, traktis la demandon kiel eniri balĉambron plej ĝentile, kiel sidi en la balĉambro — neniam estis permesite, ekzemple, krucigi la krurojn, tiu pozo eble videbligus la genuojn! Ĉiam mi devis porti la gantojn ĉe balo aŭ sur strato, kaj neniam permesi, ke viro tro proksimiĝu dum dancado. Nenian alian scion pri la komplikaĵoj de la vivo mi havis. Mi lernis pri la »pekoj de la karno«, kaj de tio mi supozis, ke estas honte eĉ paroli pri korpaj pasioj, ne nur al la geamikoj, sed ankaŭ al si mem. Mi provis nei al mi, ke seksaj pasioj ekzistas ĉe virinoj; kompreneble, mi ne sukcesis, kaj ĉar la pasioj estis tre fortaj en mi, mi ekkredis min nenormala. Mi ne kuraĝis priparoli ilin, kaj pli kaj pli hontis. Miaj amikinoj, almenaŭ laŭ la konversacioj, kiujn mi aŭdis, ne estis tiaj; ili ĉiam parolis pri la devoj de virinoj rilate al viroj, kvazaŭ la viro estus ia besto, dum la virino estas preskaŭ anĝelo. Mi profunde pripensis, kaj konkludis, ke mi nepre estas absolute nenormala.

Do, kun tiu »profunda« scio pri la vivo, mi fariĝis kvazaŭ patrino al la fratineto. Mi devis forlasi la domon, kie mi trapasis la jam perditan infanecon, vendi la meblaron, kaj transloĝiĝi en malgrandan ĉambraron sur la plej alta etaĝo de alta konstruaĵo.

Ĉar la plej aĝa frato ricevis mil funtojn post la morto de la patrino, li estis la mastro de la ekonomia situacio, sed lia sola vivcelo estis ebriiĝi dum semajnfinoj. Li ne estis kapabla prizorgi sian propran monon; kaj amiko nia, advokato, tre bonkore konsentis zorgi pri la financaj aranĝoj. La alia frato estis preskaŭ needukita, ĉar la patro, tre maljuste, rifuzis elspezi pli da mono por la dua filo.

Estis aranĝite, ke mi estu la dommastrino por la du fratoj kaj fratineto, ricevante kontraŭ tio la lupagon kaj manĝaĵojn, kiel salajron. Mia propra proporcio de la patra bieno sufiĉis nur por vesti min tre simple kaj provizi dusemajnan libertempon en ĉiu jaro. Tia estis mia vivo — kiel subite mi sentis min maljuna, kun la nigraj longaj jupoj, la haroj suprentiritaj de sur la nuko! La respondeco pri la fratineto tre ĝenis min, ĉar estis iom malfacile ŝin regi; ŝajnis, ke ŝi scias, kiom nesperta mi estas, — malgraŭ ĉio, mi devis obeigi ŝin al mi. La vortoj de la patrino ĉiam sonis en miaj oreloj — »Zorgu pri la fratineto: ŝi estas delikata.« Mi fariĝis sklavo al la devoj kaj komencis vivi tute malsimilan vivon ol tiu de la pasintaj jaroj. Neniu krom la advokato helpis min, kaj lia ĉefa konsilo estis, »Gardu la monon — estus malsaĝe permesi al la frato disponi pri ĝi.«

Tagoj post tagoj trene pasis, ĉiam same por mi. Iom da domlaboro, malmulte da mono; kaj dum la vesperon mi devis sidi kviete, dum la fratineto dormis. La fratoj neniam estis hejme, krom por manĝi, sin prepari por la reeliro al plezuro, kaj por dormi. Mia sola distraĵo estis la muziko; tio feliĉigis min dum la melankoliaj solecaj horoj — kaj la plej feliĉaj horoj de mia vivo estis tiuj, kiam juna studento venis por kanti kun mi dum la vesperoj. Mi estis feliĉa; sed por li estis oportune — ankaŭ li havis malmulte da mono, kaj klopodis forpasigi la horojn.

Kiel melankolie sonis la dancmuziko el la apuda danchalo! Kiel malproksimaj estis la antaŭaj geam-



Sigismondo Szpingier: *Virgulinoj el Montparnasse*

ikoj! Ili loĝis nur du kilometrojn for, sed tio sufiĉis por forgesigi ilin pri mi. Mi estis iom kontenta dum la tagoj, laborante en la domo, zorgante pri la infaneto, sed ofte dum la krepuskaj horoj mi pensis, »Kio ekzistas en la vivo por mi — ĉu iu venos por liberigi min?« Mi multe pensis pri mia ekonomia pozicio en la mondo: kiel utilis al mi la stultaj reguloj pri ĝentila konduto, kaj la gestój de altklasa virino. Se iu viro ne venos por edzinigi min, mi estos absolute senvalora en la mondo; kaj kiel mi povos renkonti tiun eblan edzon, konante neniun en la distrikto? Kun tiuj pensoj mi sidis nokton post nokto, kaj dum someraj vesperoj oni povus vidi min, elrigardante tra la frenestro, kvazaŭ mi esperus vidi la amanton venanta laŭ la strato.

Jaroj forpasis, ĉiu preskaŭ sama; je ĉiu pasko mi pli kaj pli vane esperis ricevi la viziton antaŭe kutiman de la juna studento, sed li neniam venis. Nenio okazis por mi, krom ke la fratineto kreskis kaj beliĝis; ŝi estis klera knabino, kaj kiam ŝi havis dek sep jarojn, ŝi estis sufiĉe saĝa: ŝi pli bone konis la mondon eĉ tiam, ol mi konis ĝin je la dudek-sepa jaro. Ŝi posedis naturan saĝecon pri naturaj aferoj, kiun ŝi akiris de kunuleco kun la infanoj kiuj ludis sur la stratoj (kiam la patrino malsanis, la fratineto estis lasata vagi ien ajn sur la stratoj kun aliaj infanoj — sperto, kiun mi neniam havis). Krome, ŝi ricevis pli modernan edukon ol mi. Mi estis fiera pri la floro kiun parte mi kulturis, kaj treege amis ŝin. Estis strange al mi vidi ŝin, kiam iu viro nin vizitis — tio kelkfoje okazis dum la jaro. Estis ŝi kiu amuzis lin, ĉiam ŝi al kiu li skribis poste. La »juna studento« revizitis nin, kaj ankaŭ li estis plaĉata de ŝi — — ni denove kune kantis, sed kvankam mia voĉo estis plena je memoroj, li ŝajne estis tro okupita dum la jaroj por pensi pri antaŭaj tagoj. Ĉiuj amis la fratineton, sed mi — mi estis tro severa kaj ne ricevis dolĉajn vortojn kaj karesojn; mi neniam povis tute forgesi la instruojn de la lerneja etiko kaj etiketo. Mi ankoraŭ subkonscie klopodis esti »altklasa virino«, ĝentila kaj preskaŭ senseksa. Mi ne facile permesus kison de viro, ĉar mi timis perdi la respekton de eventuala edzo. Jes, tio estas tre stranga nuntempe, sed la vivo estis tiom timplena. Ju pli mi deziris la amon, des pli severe mi agis, kaj plej ofte nur por kaŝi la sentojn — supozu, ke mi kisus kaj karesus viron kiu ne fariĝos edzo al mi, kia honto estus! O, kiel hipokrita estis tia vivo — timoj, timoj. Korprofunde mi timis la solecon, kaj samtempe la timo pri la malaprobo estis tre forta. Kia malfacila tasko estis, provi plaĉi, kaj samtempe aspekti indiferenta al la viroj. Mi timis vivi plene, kaj timis la solecon. La fratineto, kvankam ŝi naskiĝis nur dek jarojn post mi, estis tre malsimila. Ŝia sola timo rilate al amaj rilatoj estis la risko pri nedezirata infano — ŝi ĉiam klinis sin al karesoj kiel juna katido. Estis strange, kia diferenco estis inter ni du fratinoj. Mi instruis ŝin tre zorge pri la amo al la vero, kaj tio estis ŝia sola dogmo.

Post kiam mi atingis la tridekan jaron, kiam ankoraŭ edzo ne venis, la timoj pri soleco kreskis, kaj kun la timoj kreskis la ĵaluzo kaj envio al la fratino. Kiel tio ĉagrenis min, vidi ŝiajn facilajn rilatojn kun viroj! Ŝi nun aspektis hontinda al mi, kaj grade, grade, tiu envio mordis je la koro. Post pluaj kvin jaroj da soleco mi ne povis toleri la fratinon; venena vermo estis en la koro kaj malrapide sed certe detruis min. Dum noktaj horoj mi ne povis dormi pro timo de la estonta soleco, kaj deziro de l' amo. Ĉiam tre fiera, mi kaŝis en mi la sentojn, kaj konfesis nur al la fratino. Ŝi sciis, kiom mi suferas, sed kiam ŝi havis ŝancon por helpi min pri edziniĝo »konvena«, ŝi rifuzis. Ŝi amis min, sed pli profunde ŝi amis sian dogmon, la veron. Per siaj agoj ŝi detruis mian lastan edziĝ-esperon. Jen la rezulto de mia propra instruo — Oh kiel kruele malfacila estas la vivo!

Nun mi fariĝis diable kolera kaj kruela al ŝi — ne plu mi povis ŝin toleri — mian koron formanĝis tiu vermo de envio kaj malespero. Mi rigardis en la spegulon — eĉ se edzo alvenus mi ne estas alloga nun. Mi suferis; sekvis teruraj tagoj de mensa suferado. Mi forte ĵaluzis pri la fratino kiam ŝi fine enamiĝis kaj fianĉiniĝis — mia amo al ŝi ŝanĝiĝis en malamon — la vivo ne plu estis tolerebla — mi nur deziris...

»Ah! Do, pro tio vi freneziĝis; mi komprenas, kia estis via krimo: vi ĵaluziĝis kaj deziris murdi la fratinon — ĉu ne?«

* * *

Estis iom da bruo en la angulo de la kvieta, perfekte ordigita ĉambro, kaj unu el la pacientoj kuŝis sur la planko kun makulo sur la vango. Alvenis dudekjara flegistino kun abrupta voĉo.

»Nu, fraŭlino C., kvietiĝu, mi petas; estas hontinde tiel konduti. Venu en tiun ĉi ĉambron — necesas, ke vi estu sola dum kelkaj semajnoj. Tiaj aferoj devas ne okazi — vi denove fariĝas danĝera.«

* * *

»Kiel brila estis la sunlumo sur la herbejo — tro brila, ĝi dolorigas la jam lacajn okulojn. Kiel malĝoja sonas la kanto de la birdoj; ili scias la mallongecon de la someraj tagoj. La folioj de la arboj klinas sin kvazaŭ por plori pri mi. Kial vivi? — la morto estas preferinda. Se ekzistas Dio, permesu Li, ke mi ne plu vekiĝu post la endormiĝo tiun ĉi nokton. Ĉu mi ne sufiĉe jam suferis?

---

# LA NOVA TAO

**PAN LOTI, SYDNEY**

Kiel mallongigi la historion de granda civilizado, la ĉina, en kelkcentojn da vortoj? Estas volumegoj pri ĉi tiu temo, tiel en eŭropaj lingvoj kiel en la ĉina, kaj oni povus preskaŭ legi la tuton, tamen ne multe sciante pri la vero. Sed T' ang Leang-Li estas nova tipo de ĉina historiisto, modernulo, kies verko jam eldoniĝis (1928)) en pluraj lingvoj. La angla originalo havas la titolon »Foundations of Modern China« (Fundamentoj de la Moderna Ĉinujo) kaj prezentas veršajne fidelan bildon pri la *mensa* revolucio okazinta dum la lastaj jaroj en oriento kaj iomete levas la vualon de la estonteco. Ŝanĝo ja venis al la »senŝanĝa« lando.

La ĉina spirito renaskiĝas, renoviĝas. Preninte, kion ĝi volas, el la eŭropaj instruoj, Ĉinujo daŭrigos sian vojon por serĉi la *Novan*? la kvarmiljara penado pri la malnova.

T' ang Leang-Li sorbis en sin la malnovajn filozofiojn, kaj resumas por ni la pensojn de siaj pratempuloj, jene: »La ĉina filozofio ĉiam estis praktika...«

»La universo, laŭ ĉina vidpunkto, estas nur la manifestiĝo de la morala principo. La ĉina ĉielo estas speco de natura leĝo, la ĉiela vojo estas morala vojo. La centra problemo de la ĉinaj filozofoj ĉiam estis la serĉado de la TAO, kiu signifas: vojo aŭ rimedo ordigi, kompreni kaj plibonigi la homon kaj la mondon«.

La leganto ne konfuzu ĉi tiun puran koncepton de la TAO kun la pli malfrua Taoismo, kiu fariĝis nur sistemo de magio kaj superstiĉo sub la pastraro, kaj sin okupis multe pri la eliksiro de la vivo kaj tiel plu.

Por Konfucius la TAO ne estas pli ol JEN=homamo, kaj sur ĉi tiu bazo fondiĝis lia etiko. — Ne ekzistas persona dio, kiu gvidas la animon, kaj la konfucianoj tial koncentrigis ĉiun spiritan penadon sur sin, por disvolvi de interne, kion ili posedas en sia naturo. La demando fariĝis, — »Kiel oni povas esti sincera al si?«. La TAO tial por la konfucianoj identiĝis je *sincereco*. Ĉiuj moralaj virtoj devenas de la kulturado de ĉi tiu virto«.

»*Mencius* (disĉiplo de Konfucius) disvolvis la doktrinon de la esenca boneco de la homa naturo — alie, li primontis, kiel la homo povas eligi bonecon (sincerecon) el si? — —«

»*Hsün Tze* (300—235 antaŭ Kristo) rigardis sin kiel konfucianon, sed kontraŭdiris al Mencius, dirante, ke la homo estas malbona, lia boneco estas la rezulto de kulturo«. Jen skismo, kun pli da fundamenta diferenco ol kiom havis la orienta skismo, kiu dispartigis la roman kaj grekan eklezioin en jaro 1053, sed la ĉina karaktero estis tolerema, kaj agoj de religia subpremado estis tre maloftaj ĉe ili. Plue, la konfucianismo estas sistemo de filozofio, kaj tute ne religio.

»Pro sia pli granda elokventeco, *Mencius* gajnis superecon kiel klariganto de la konfucianismo, sed *Hsün* Tze ja sukcesis gardi la ĉinan filozofion kontraŭ absoluta fatalismo...«

»....Tamen, la ekskluzive humanista koncepto de la filozofio de *Hsün Tze* kaj lia troa altigo de la homo super la naturo malhelpis la disvolviĝon de scienco en Ĉinujo«.

»Du el la disĉiploj de *Hsün Tze* fariĝis la ĉefaj iniciantoj de la jura skolo de Ĉinujo. Ili, *Han Fei* kaj *Li Se*, estis respondaj pri la persekutado de ĉiuj sistemoj de filozofio kaj pri la Bruligo de la Libroj en la jaro 213. antaŭ Kristo.«

Kial bruligi ĉiujn librojn? La fruaj ĉinaj pensuloj malaprobis la leĝojn. Ili volis, ke la homo estu regata de virto, bonmoreco, sindetenemo, ke ili vivu laŭ la ora regulo' »*Lao Tze* (fondinto de la serĉado pri la TAO) volis regadon per *Netrudemo, Konfucius* per *Virto, Mencius* per *Bonvolemo*, kaj *Hsün Tze* per *Li*=Konveneco (germana vorto *Sittlichkeit* tre prave tradukas *Li*). Ĉiuj el ili volis la regadon de saĝul-registoj, de filozofoj-reĝoj. Sed spite de ĉio, tamen ekkreskis filozofio de leĝo kaj leĝa sistemo, La unua skribita leĝa kodo estis tiu de *Tze Ch'an* en la jaro 536. a. Kr.«

Rimarku la unuajn ĉi suprajn vortojn de *T'ang*, »Ĉina filozofio ĉiam estis praktika...«

*Praktika*: La filozofoj volis ke la homoj estu liberaj, ke ili estu regataj de Netrudemo, Virto, Bonvolemo kaj Sindeteno, unuvorte regataj de si mem. Danĝeraj viroj, tiuj ĉi filozofoj, kiuj opozicias la faradon de leĝoj, kiuj vidas, ke ĉiuj leĝoj limigas la liberecon. La tiamaj leĝfarantoj, samkiel la nuntempaj, malamis la liberecon



Sigismondo Szpingier: *Panoramo el Montmartre*




Sigismondo Szpingier: *La ŝtuparo de Montmartre*

de la popolo. Ili diris, »Ne la *Li* sed la *Leĝo* devas regi la homamason«, kaj ili komencis detrui la danĝeran doktrinon de la senleĝeco. La cenzuristoj laboregis, kaj ĉiuj libroj devis esti detruitaj. Almenaŭ la ĉinoj neniam bruligis homojn sur brulŝtiparo, sed ili amasege forbruligis siajn librojn. De post 213. a Kr., dum tuta miljaro, anstataŭ serĉi novajn verojn, la sola laboro de ĉinaj pensuloj estis rehavigi la pensojn detruitajn de la Bruligado. Kaŝita libreto de *Konfucius* fariĝis pli kara por ili, ol perdita ampoemo de Sappho por grekulo. Penege la pasinteco estis rekonstruita kaj la saĝeco tiel retrovita fariĝis kiel miraklo, kiel oro. Dum plua miljaro la ideoj de *Konfucius* regis la ĉinan pensadon kiel fera ligilo, sed ligilo ŝatata, kiel la brakoj de bela amatino.

Ĉiu ago komenciĝas en la menso. Historiisto *T'ang* montras ke en Ĉinujo la intelekta revolucio komprenеble antaŭiris la registaran en 1911.

»*K'ang Yu Wei*, la plej granda el modernaj ĉinaj scienculoj, jam en 1891. pruvis per la tro nova sintakso kaj enhavo, ke la plejmulto el la verkoj de *Konfucius* estas nur skriboj de lertaj falsistoj, sendube homoj kun originaleco kaj genio, kiuj ekspluatis la konfucianan tradicion, por ke iliaj propraj teorioj estu subtenataj.«

»La konsterno, kiun *K' ang Yu Wei* kaŭzis en la ĉina intelekta mondo, ankoraŭ daŭradis, kiam li eldonis alian sensacian verkon... Jen li pruvis, ke la malnovaj skribajoj, vere de la mano de *Konfucius* mem, kaj kiujn verŝajne li mem kolektis kaj redaktis kiel *Historion;* estis aktuale verkitaj de li propracerbe, kaj inventitaj de li nur por doni historian fonon al siaj propraj revoluciaj teorioj... La modesta historiisto (Konfucius) pruviĝis kiel politika inventisto! La Nacia Saĝulo, la Nekronita Reĝo, kiu regis la mensojn de Ĉinujo dum pli ol du mil jaroj, estis ŝirita de sia piedestalo, kaj remetita sur pli ĝustan lokon, kiel nur rimarkinda homo.«

*Daŭrigota.*



# KINO

Redaktas: Jean Forge-Fethke

## KIAM NI HAVOS NIAN ESPERANTAN FILMON?

Ni neniel esperu la helpon de la filmpotenculoj amerikaj aŭ eŭropaj ni ne esperu ke la grandaj firmaoj faros Esperantan varianton de siaj filmoj, sed ni komencu plej baldaŭ fosi nian sulkon sur la filma kampo! En Krakovo oni parolis iomete pri la problemo »Filmo en la servo de la Esperanta propagando« kaj hodiaŭ kiam ekzistas la parolanta filmo, ni nepre devas komenci, komenci!

Ni ne havas monon, estas la ofta respondo de skeptikuloj, ni estas tro malriĉaj por fabriki filmojn! Kompreneble, ni ne povas nun produkti Esperantajn dramojn aŭ komediojn, por tio mankas kapitalo, reĝisoroj, geaktoroj. Sed ni nepre devas komenci fari ion per kaj por la filmo.

Ni devas antaŭ ĉio *krei la pri-Esperantan propagandan filmon!* Nia unua celo estu kvincent-metra (duakta) filmo pri nia movado, pri UEA, pri la kongresoj, pri la historio de Esperanto. Ĝi estu iaspeca kulturfilmo, kiu informos kaj instruos la ne-esperantan publikon pri nia afero. Hodiaŭ ja ĉiu pli grava movado, ĉiu pli grava instituto, fabriko, sekto, gimnastika lernejo havas sian varban instruan filmon. Kial la Esperantomovado ne disponas pri tia filmo? La kinoteatro en via urbo certe ludos tiun filmon dum via »Esperanta semajno«.

Kiamaniere efektivigi la unuan Esperantan filmon? Antaŭ ĉio ni devas kolekti la jam pretan materialon, kiun ni bezonas por la muntado (montage) de la filmo, t. e. taŭgajn filmnegativojn montrantajn nian Majstron, scenojn el la Esperantista vivo, eminentulojn, malkovrojn de Zamenhofaj monumentoj kaj stratoj, bildojn de la kongresoj ktp. ktp. Ni devas zorgi pri daŭra speciala filmado de la kongresoj Esperantaj. Fakuloj kaj spertaj specialistoj faru tion laŭplane. La kostojn de tiu ĉi filmado (cetere ne tro altajn!) pagu la LKK. La kostojn oni parte povas tuj reenspezi per vendado de kopioj al la filmservoj kaj aktualaj semajnoj de UFA, Fox, Pathe ktp. Tiamaniere oni faros propagandon antaŭ milionoj da homoj kaj samtempe kreas la materialon por posta speciala pri-Esperanta propagandfilmo.

Kiam ni kolektis sufiĉan taŭgan materialon, t. e. Majstron, scenojn el la Esperantista vivo, bildojn de Esperantaj ekspozicioj sur foiroj, interesajn scenojn de la kongresoj, fraŭlinojn en naciaj kostumoj, ekzotikajn gastojn, manifestadon kun Esperantaj flagoj — se ni havos tian materialon (kiun ni povus facile krei dum la Pariza kongreso, se la LKK ĝustatempe interesiĝos pri la projekto!), ni povos ankoraŭ kompletigi la materialon per statistikaj bildoj, kreskado kaj funkciado de UEA-delegitaro, Zamenhofa domo ktp. kaj poste ni komencos la muntadon de la filmo, laŭorde donante la materialon, enmetante eĉ Esperant-lingvan dialogon. La pretan filmon oni pruntedonu al diversaj Esperantaj grupoj, al Ĉe-instruistoj kaj aliaj propagandistoj kontraŭ ioma pago kaj tiamaniere oni reenspezu la finajn kostojn. Estas tute superflue akcenti la eksterordinaran propagandan signifon de tia filmo, ĉar estas malnova fakto, ke la publiko kredas tion, kion ĝi vidas per propraj okuloj. Estas urĝa tempo, ke la Esperantistaro kaj precipe ĝiaj gvidantoj komencu okupi sin pri tiu projekto de Esperanta filmo!

Alia tre interesa projekto, kiu nepre havas ŝancojn por sukcesi, estas *filmigo de prova Ĉe-leciono!* Hodiaŭ kiam ni havas la parolantan filmon, ni brile povus montri al la publiko pastron Ĉe kun lia gaja lernantaro, kiu ĥore respondas al liaj demandoj. Estas tute kompreneble, ke pastro Ĉe devus eniri por 1—2 tagoj en atelieron (filmlaborejon) en Parizo aŭ Berlino kune kun la tuta lernantaro. Spertaj fakuloj kaj reĝisoro devus turni tiun filmon. La kostoj kompreneble estus iom pli altaj, sed ne tiel altaj ke la Ĉe-instituto ne povus pagi ilin. Estas tute certe, ke tiu Ĉe-filmo trovus grandan atenton tra la tuta mondo, ĝi estus samtempe bonega antaŭpropagando por ĉiu Ĉe-instruisto, kiu komencas novan kurson laŭ tiu metodo. La publiko en la kino-teatro ekinteresiĝus per la filmo pri Esperanto kaj pri la amuza metodo, are anoncus sin por la loka kurso kaj ebligus sufiĉan reenspezon de la kostoj. Laŭ mia opinio la produktado de 500—750-metra Ĉe-filmo estas tute senriska kaj eĉ profitdona entrepreno — se ĝi estos farata de fakuloj.



*Anna Sten*

Ĉu pastro Ĉe kaj la Instituto komprenos la signifon de tia filmo kaj realigos antaŭ la Pariza kongreso la projekton?

Dum la Krakova kongreso fondiĝis la *»Esperanta Kooperativo de konsumantoj pri parol- kaj mutfilmoj«* (gvidas s-ro Gelfand, UEA-del. en Baranowicze, ul. Sadowa 38, Polujo). La ideo de s-ro Gelfand estas fondi en ĉiu urbo kooperativon, kiu varbu jarajn abonantojn-konsumantojn por liverotaj Esperanto-filmoj. La jarabono ne superu po persono 5 dolarojn. La valoro de aparta akcio estas same 5 dolaroj. Kiam ekzistos ne malpli ol cent kooperativoj en cent urboj, la centra kooperativo mendos la unuan filmon per konkurso de tutmondaj filmofabrikoj. S-ro Gelfand supozas, ke estos eble doni ĉiusemajne du sesdekminutajn filmojn, kies programon li imagas instrua, tute esperantlingva.

La ideo de Esperantaj film-konsumantoj estas tre taŭga. Sed ĉu ni kolektos tiom da kapitalo por produkti filmojn por ni mem, ne estas certe. Por tio estus necesa granda propagando inter la Esperantistoj, iniciato de niaj centraj organizajoj, subteno de la gazetaro.

Tamen, ni ne ĉesu paroli pri la graveco de la filmo en nia movado. Ni propagandas hodiaŭ Esperanton per



*Hans Albers*

la gazetaro, per la radio, sed pri la plej potenca kaj plej internacia voĉo de la ekrano, de la filmo ni forgesas. Kvardek jarojn ni jam batalas por nia ideo, ni gvidas kursojn, ni verkas artikolojn, ni propagandas ĉiupaŝe, kaj tamen ni ĝis nun ne sukcesis popularigi Esperanton. Ĉar ni timas, timas aŭ ni tro malfortas por fari foje ion grandiozan, ion, kio efektive turnus la atenton de la tuta mondo al nia afero.

La filmo estas tiu »io«, se ni sukcesos paŝon post paŝo adapti ĝian diablan potencon por niaj celoj, se ni iam sukcesos montri al la mondo per bonega granda filmo, ke Esperanto brile taŭgas kiel internacia filmlingvo, se iam la grandaj filmproduktistoj mem komencos turni Esperantajn variantojn! Sed por atingi tion, ni devas ja iam komenci, baldaŭ komenci! Ni devas komenci modeste kaj kolekti spertojn kaj konstrui brikon post briko.

Ni devas komenci fine!

*J. F.*

HANS SCHWARTZ, BOMBOJ AL MONTEKARLO.

Tiu ĉi filmo produktita en la Ufa-laborejoj sub la sperta gvido de la fama *Pommer* signifas novan triumfon de la filmarto. La rakonto pri aventurulo-kapitano, kiu veturas sur kirasa ŝipo »Persimon« kaj preskaŭ pafdetruas la kazinon de Monte, estas pli ol neverŝajna, sed la lumsimfonio de la operatoro *Rittau* venkas kaj forgesigas la mizerecon de la manuskripto. La suda pejzaĝo ekbrilas sur la ekrano en ravaj bildoj, inter ili bonegaj portretoj de la aktoraro, pulsanta vivo ĉe la ludtabloj, en la elegantaj trinkejoj, sur la vastaj promenejoj — kaj ĉio ĉi plej intime kaj sorĉe ligita kun nuancoriĉa brile ilustranta muziko!

La ĉefan rolon de la aventurema kapitano ludas *Hans Albers,* kiu evidentiĝas en tiu ĉi filmo bonega aktoro, malfalsa en ĉiu gesto, reprezentanta viron plenan de optimisma forto. Lia partnerino estas *Anna Sten,* al kiu la filmo bedaŭrinde ne donas okazon montri sian grandan talenton. La kvalito de tiu ĉi Ufa-filmo garantias plej favoran akcepton ĉe la granda publiko.

*S. C. H.*

ĈU VI JAM AUDIS?

— ke Al Jolson en tiu ĉi vintro ludos sur dekses eŭropaj teatraj scenejoj?

— ke Edgar Wallace por tri monatoj estas dungita al Hollywood kontraŭ fantazia honorario?

— ke la novaj Mickey-Mouse-filmoj aperos nun kiel koloraj sonfilmoj?

— ke la reĝisoro Fritz Lang turnos novan filmon sub la titolo »La testamento de Dr. Mabuse«?

— ke la proceso de la amerika romanaŭtoro Dreiser kontraŭ Paramount pro malbona filmigo de la libro »The American Tragedy« estis bonega reklamo por la aŭtoro?

— ke plej sukcesa filmo en Usono fariĝis »Bad Girl« laŭ simpla romano verkita de juna knabino Vina Delmar?

— ke la Ufa estas nun turnanta grandan filmon »Stürme der Leidenschaft« kun Emil Jannings kaj Anna Sten?

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

EN LA OMBRO DE LA PLANTOJ.

Sur la teraso de la kafejo »Pavilono« tri biertrinkantaj sinjoroj diskutadas. La humoro estas influata de la Solena Malfermo kaj de la unua laborkunsido.

*La unua (severmiena):* Jen citajo el la Kongresa Regularo, sinjoro! Aŭskultu: »unu delegito por ĉiu lingvo parolata en tiu regno, krom la oficiala lingvo, kondiĉe, ke reprezentantoj de la dirita lingvo ĉeestas la kongreson.« Nu, mi demandas vin, kie ekzistas en tiu ĉi regularo tiu paragrafo, je kiu aludante oni malpermesis la salutparoladon de la ukrainanoj?

*La dua (lignomiena):* Ni ne diskutu pri paragrafoj, sed ni konsciu pri la neceseco modernigi Esperanton. Jen la demando pri la filmo. Ni nepre devas filmigi Esperanton por veki ĝeneralan atenton.

*La tria (mielmiena):* Eraro! Fatala eraro! Tiamaniere la kapitalistoj ekspluatos nian lingvon kaj prezentos nudajn dancistinojn, esperantlingve parolantajn sur la ekrano. Ni esperantigu la filmon kaj ne filmigu Esperanton! Estus fatala mispaŝo.

*La unua:* Vi ĉiam preterlasas la gravecon de ekzistantaj valoroj. Mi ne povas kompreni, kial regas antagonismo kontraŭ I. Ĉ. K? Ĝi meritas nur laŭdon el vidpunkto de la movado.

*La kvara (korpulenta, lunmiena ĉe la najbara tablo, vigle kaj plenkontente turnas sian atenton al la parolanto.)*

*La unua kaj dua (surprizite):* Kion ĝi faras?

*La unua (indigne flamiĝante):* Vi ne scias, kion ĝi faras? Honte! I. Ĉ. K. laboras tiel sukcese, ke ĉiu instituto de la movado tiagrade prosperus, ni ne devus timi la estontecon.

La ĉefkelnero aperas ĉe la tablo, kalkulas pli altajn prezojn ol la fiksitaj sur la manĝokarto, post atentigo pri la eraro li plene konsentas kaj korektas la prezojn sur la *manĝokarto.* La tri sinjoroj ĉagrenite ridetas, sed ili pagas kiel bankdirektoroj. Disiro. La kvara sinjoro rapide leviĝas kaj sekvas la unuan, atingas lin, afable prezentas sian manon al li.

*La kvara (karesvoĉe):* Permesu, kara samideano ke mi gratulu al via komprenemo koncerne la laboron de I. C. K.

*La unua (surprizite):* Kio estas I. C. K? Kaj kial la gratulo? Mi ne komprenas vin.

*La kvara (embarasite):* Sed... kara samideano, antaŭ momentoj... vi mem parolis ja pri la meritoj de I. C. K.... Ĉu ne?

*La unua:* Pardonu, vi eraras. Mi parolis pri I. Ĉ. K. kaj ne pri I. C. K.

*La kvara:* I. Ĉ. K.??? Kio estas ĝi?

*La unua:* Internaciaj Ĉe-metodaj Kursoj.

La unua afable dezirante »ĝis revido«-n, foriras, la kvara... nu, la kvara ne esprimas sian deziron pri »Ĝis revido!«



# OBSERVO

## FRISLANDO : LINGVO KAJ MOVADO.

Frislando. Tiel nomiĝas unu el la plej nordaj provincoj de Nederlando. La oficiala lingvo, instruata en la lernejoj kaj uzata en preĝejoj, juĝejoj kaj en la gazetaro, estas la nederlanda, sed la popolo grandparte parolas la tre malnovan, belan kaj tipan frisan lingvon. Ĝi estas tiel aĝa, kiel la frisa popolo mem.

La devenlandon de tiu ĉi popolo oni trovas laŭlonge de la sudorienta bordo de la Norda Maro, nomata sur antikvaj landkartoj »*mare frisicum*«.

Frislando estas tero konkerita el la potenco de la maro per kelkcentjara batalo kaj tial la franca diro : »Dio kreis la mondon, escepte de Nederlando ; ĝin kreis la nederlandanoj mem.« La konstanta batalo kontraŭ la maro premis sian stampon sur la karakteron de la popolo : ĝin karakterizas obstino, persistemo kaj energio.

Kiel fiŝkaptistoj, poste kiel kamparanoj, la popolo travivis historion, plenan de liberamo. Jam mallonge post la komenco de la jarnombrado ĝi ekhavis siajn »reĝojn,« elektitajn de popolkunvenoj, sub kies gvido la popolo havis ĉiamajn militojn kontraŭ najbaraj gentoj, kiuj daŭre minacis ĝian sendependecon. La feŭdalismo neniam sukcesis akiri firman grundon en Frislando, oni neniam konis sklavojn ĉe la frisoj kaj ili ĉiam malamis la rangdiferencojn. Sed tiu ĉi forta emo al persona libereco havis ankaŭ malbonan flankon : la mankon de ŝtatformanta potenco. En okazo de granda danĝero oni kunvenis sub la »*Upstal-arbo*«, juĝloko en orienta Frislando (nuntempe germana regiono) por interkonsiliĝi kaj por priparoli aplikotajn rimedojn, sed pli poste estis fremdaj potenculoj, kiuj devis doni al Frislando ĝian ŝtatformon.

En 1498 Frislando venas sub regadon de Albrehto de Saksujo, kaj la frisa lingvo ĉesas esti oficiala.

De tiu tempo oni povas konstati la ekviviĝon de la fris-nacia movado, manifestanta sin jen politike, jen kulture. Kiam, post la Napoleon-a subpremo, la diversaj provincoj estas unuigitaj je la reĝlando Nederlando, malgraŭ protesto de la frisoj, kiuj deziris nur federaciajn interrilatojn, ĉi tiu movado pliviĝliĝas. Tiam la batalo por la lingvo ankaŭ fortiĝas. Fervore oni komencas studadi la plej malnovajn frisajn lingvodokumentojn el la 10-a—14-a jarcento.

En 1823 estis arangita granda festo je la honoro de Gijsbert Japiks, frisa verkisto el la 17-a jarcento. Kvar jarojn poste estas fondata la »Asocio por frisaj historia kaj lingva studoj« kaj en 1844 ekviviĝas la »Societo por frisaj lingvo kaj literaturo«. Frisaj kantoj, teatrajoj, deklamajoj ktp., studo pri propraj historio kaj lingvo, sed precipe la prospero de la daŭre kreskanta popolliteraturo — mi mencias la nomon *Waling Dijkstra* — kaŭzas, ke la movado fariĝis vera popolmovado por konservi la proprajn kulturvalorojn kaj por malhelpi la enpenetron de holandaj, germanaj kaj danaj influoj sur la terenojn de la lingvo, kutimoj kaj moroj.

En la pasinta jarcento estas nur kelkaj gvidantoj, kiuj revis pri kaj agis por la reviviĝanta Grand-Frislando, sed en la nuna tempo estas nova, juna generacio, kiu pozitive kaj senhezite propagandas, agas por tio kaj postulas, ke en Frislando ne la holanda, sed la frisa lingvo estu la oficiala. Ĉi tiuj jun-frisoj estas kiuj forte sentas, ke ĉiu popolo rajtas uzi sian propran lingvon kaj por internaciaj interrilatoj ĝi bezonas komunan helplingvon. Nemirinde do, ke estis unu el la jun-frisaj organizajoj, kiu antaŭ kelkaj jaroj unua arangis Esperanto-kurson en la frisa ĉefurbo Leeuwarden. Sed »En Frislando frise !« estas la devizo de la simpatiaj batalantoj kaj por tio ili agas kaj ne sensukcese. Jam ekzistas en la frisa lingvo multaj gazetoj, la literaturo senhalte riĉiĝas, regule aperas valoraj originalajoj kaj bonegaj tradukoj el la mondliteraturo. En la frisa biblioteko ne mankas la verkoj de Shakespeare, Moliere, Remarque k. a. en eminenta interpreto.

Ankaŭ sur la religia tereno la influo de la movado fariĝis konstatebla, ĉar ĉiam pli ofte okazas, ke predikisto gvidas frislingvan di-servon kaj predikas la Evangelion en la vere gepatra lingvo de la aŭskultantaro.

Unu el la plejdezirataj aspiroj por tiuj ĉi jun-frisoj estas la enkonduko de la frisa lingvo en la unuagradajn lernejojn kaj ankaŭ ĉi-rilate ili jam povas noti sukcesojn : la provinca deputitaro donas ĉiujare subvencion por la arangô de frisaj kursoj por infanoj. Ĉi tiuj kursoj tamen povas okazi nur post la oficialaj lernejhoroj, ĉar la nederlanda instrulegô ne toleras la uzadon de la frisa lingvo. Ĝi ne toleras, sed eble en proksima estonteco ĝi toleros, ĉar evidentiĝas, ke ankaŭ la altaj instancoj en Hago komencas kompreni, ke estus prudente agi kiel la germana registaro, kiu cedis al certaj postuloj de la frisoj, loĝantaj en tiu regno. Ni estas konvinkitaj pri la venko. Ni povis konkeri patrujon por ni de la maro per persista racia laboro kaj ni povos konservi vivanta kaj prosperanta propran lingvon por ĝia popolo per paca kulturlaboro.

*P. Hendriks.*

## DU PENTRISTOJ

*Sigismondo Szpingier* estas la pola Toulouse-Laŭtrec, kion senhezite kaj unuanime konfesas la franca kritiko. Kvankam ni tuj rapidu aldoni, ke neniel li povas esti nomata lia imitanto.

Szpingier havas specialan donon de profunda penetremo en siajn diversajn tipojn. Li precizas, karakterizas, scias majstre eksterigi la personecon kaj la animon de siaj temoj en la krajonaj desegnoj, — tute egale ĉu tio estos virgulino el Montparnasse aŭ Montmartre, ĉu dekfranka amulino, ĉu iu kandidato al ministro aŭ al simpatia neniofarulo... Lia komikeco, se tia kelkfoje troviĝas, intencas neniam ridindigi. Jen la diferenco inter Toulouse-Lautrec kaj Szpingier.

Szpingier ĉiam estas malpli karikatura kaj pli serena. Sana kaj ĝoja estas lia desegno. Li ne imitas la pesimismon de Toulouse-Lautrec.

Bedaŭre ni ne povas prezenti al vi liajn majstrajn kapojn, kvankam ne malpli bonaj estas liaj ridajoj kaj la grup-redonoj.

La pola kaj la arta mondo esperas multe de tiu juna pentristo, kiu certe krom infanoj por la avina ĝojo, kreos ankoraŭ multajn altvalorojn por nia plezuro.

Mi vizitis la ekspozicion de *Wanda Chelmonska* en la konata salono *Druet*, rue Royale. La unua impreso estis surprize agrabla. La artistino estas ĉarma blondulino kun rava gamo de koloroj. Ŝia koketema movo estas tre karakteriza... La ĉarma pejzaĝo de pola tero kaj la sensa rebrilo en ŝiaj bluaj okuloj formas tuton plenan de — temperamento...

Ĉu mi ion aldonu pri bildoj ? Filino de fama pola pentristo speguligas en siaj kreajoj la vivecon de sia okulo, la kolorecon de sia rigardo, la ĉarmon de sia movo, la amon de la vivo... La revon ni renkontas en la pentrajoj de la pola haveno Gdynia kaj en la ondantaj ŝipoj... La observemon en la hebreaj tipoj kaj en la

multkoloraj katolikaj procesioj. Krome kelkaj senĝenaj rigardoj en la intiman vivon de virina koketeco kaj en la vilaĝajn preĝejojn kompletigas la verkaron.

Ŝiaj pentraĵoj jam troviĝas en la Muzeo de Luksemburg kaj en muzeoj de Lyon, Grenoble, Praha kaj Varsovio.

*S. Grenkamp.*

# D I S K U T O

## Esperanta elparolo

La Zamenhofa regulo pri la elparolo koncernas, ŝajnas al mi, la bazan primitivan sonadon de ĉiu *aparta vorto*, tiel diri la *leksikona* vorto: »ĉiu sono estas ĉiam meza«.

Tio signifas: pri la vokaloj, ke ĉiu el ili estas parolata ĉiam mezlonge-mezmallonge, ĉiam mezfermite-mezmalfermite, kaj ĉiam en la meza vojo unu inter la alia en la fonetika rondo a-e-i-u-o-a (por ke e ne estu erare komprenata kiel a nek kiel i, ktp.); pri la konsonantoj, ke ni uzu la vere centran elparolmanieron de ĉiu el ili (mi diru la italan kaj francan).

Tamen neniu vivanta homo parolas leksikone.

Same kiel ne estas tiamaniere, ke ĉiu homo vivas en propra domo sia kaj havas ĉiu propron ĉambron sian kun po samaj dimensioj — ni ja ĉiuj bone scias la vivmanierojn kaj loĝrilatojn de homoj! — tiel same la *vorto* en la diversaj diroj kaj paroloj vivas en ĉiam variantaj rilatoj. Regas tiujn ne nur la homa intelekto kaj la volo, sed ankaŭ la homaj *sentoj*.

Vere, la homaj sentoj ludadas la instrumenton de la lingvo! Ĉu iu el ni scios redakti la leĝojn de la homaj sentoj? Kiu tion scias, tiu ankaŭ skribu la ekzaktajn regulojn de la longo aŭ mallongo de vokaloj en la Esperantaj vortoj, estu »ve« aŭ »ho« — aŭ la mallongaĵo »espisto«, (kiu estas al mi plej naŭza kriplulo .... »kadavro kiu ekrigardas« el la tempo de polemiko de mialandaj idistoj, kiuj timis eldiri la tutan danĝeran vorton Esperanto!)

Se svedo demandas min, kiamaniere ni elparolu la vorton »glavo«, mi instruas — proksimume — tiel: la konsonantoj g l v sone egalas al la svedaj, t. e. al la francaj, o kiel en sveda »golv«; ĉiuj tiuj sonoj estas neŭtralaj pri longo, la konsonantoj laŭ naturo, la vokalo pro pozicio, ĉar en neakcenta silabo. La a, kiu portas la akcenton de la vorto, estu duone longa, kaj duone malfermita (laŭ la fonetika valoro de tiu termino).

Sed, se tiu sama demandanto deklamas al mi la Himnon, mi postulas, ke li elparolu: »Ne al glaaavo saanngon soifanta«... Ĉar *en la frazo* la vortoj vivas, nur tie. Sed la vivo ne estas matematiko, neniel estas katenebla per ekzaktaj reguloj. Ni nepre *ne* faru regulojn!

Ni havas la Fundamentan regulon Zamenhofan: pri la *mezeco*.

Kion signifas tiu difino? Nu, ke ni ne troigu la sonojn: ni ne donu al la konsonantoj longon, ĉar ĝi estas nenatura, ankaŭ ne kontraŭnaturan mallongecon. Ĉu doni al neakcentata vokalo longon estas natura afero? Tute ne; tiel ni forlasus la mezan vojon de bona elparolo. Se ni donus nenaturan mallongon al vokalo akcentata, tio signifus deflankiĝi de la meza vojo de bona elparolo.

Sed — ni tute ne komencu medikamentaĉi kun regularoj pri longaj vokaloj ktp. Kaj pri duoblaj konsonantoj! — »brutto« kaj »regatto« ne estas Esperantaj, ne! Pri tiuj vidu en la Nova Testamento Mat. 22: 12: ili ne havas la »edziĝofestan veston«!

Unu centra regulo Fundamenta sufiĉas!

Kaj plue: lasu al la homaj sentoj la naturan manieron por kolori kaj ornami.

Ni ne demandu nin, ĉu ni havu rajton krii frazon aŭ flustri ĝin. Same kiel ni ne leĝdonas pri la krio, ni ne leĝdonu pri la maniero, laŭ kiu la sentoj provu influi la elparolon. Ni ĝenerale, kantante, *studas* nian manieron elparoli dum la kantado; sed la kapta elparolmaniero estas la primitiva, la studo estas la duaranga kaj el ĝi ne rezultas la elparolo.

Ĉiuj reguloj pri detaloj de la elparolo de Esperanto troigas en certaj punktoj. Ĉu tio ne dependas de la fakto, ke oni ne bazas siajn juĝojn sur la veraj principo; — oni volas kateni la homajn sentojn per leĝoj matematikaj, kaj miras, ke la rezultato fariĝas karikaturo.

*Paul Nylén.*

*

Estu al mi permesate kontraŭdiri.

En miaj konstatoj (ne memfaritaj, arbitraj reguloj!), ne temas pri sentoj, pri deklamo, sed pri la tute ordinara, proza, senemocia parolo. Kion mi diras?

Mi diras, ke la grandega plimulto de la esp-istoj (pri ĉi tiu mallongaĵo tuj mi parolos) *ne prononcas ĉiam mezlongajn vokalojn*. Ĉi tio estas *fakto*.

Nun, kion oni faru? Ĉu oni malaprobu ĉi tiun parolkutimon, aŭ oni fiksu ĝiajn regulojn? Ĉar la malaprobo ŝajnis al mi nek oportuna, nek bona, nek rezultpromesa, mi klopodis fiksi la regulojn. Aposteriore, kiel oni faras tion en la naturaj lingvoj.

Do, oni povas ja diri, ke miaj reguloj ne konformas tute al la ĝenerala parolkutimo, sed, laŭ mia opinio, neniu povas nei

1. ke laŭ la unuregula principo de la ĉiama vokalmezlongeco parolas ekskluzive la poloj kaj ukranoj

2. ke oni havas la rajton, esplori ĉiun libere evoluintan parton de la lingvo, kaj fiksi la estiĝintajn regulojn.

Kaj, se s-ro Nylén observos sian propran prononcmanieron, li devos rimarki, ke en la vortoj *amaso* kaj *ama* li ne prononcas egale longe la silabon *am*. En *ama* la una *a* estas ne nur akcenta, sed ankaŭ pli longa, t. e. ĝia elparolo daŭras dum pli longa tempo. Sama diferenco estas inter la a-vokaloj de *grade* kaj *grande*. En *grade* la *a* estas akcenta kaj longa, en *grande* ĝi estas akcenta, sed mallonga, ĉar la longecon de la akcenta silabo certigas sen tio la du konsonantoj *nd*. Kaj verŝajne ankaŭ s-ro Nylén diras *kápo*, sed *apud*, *kría*, sed *mia*, *dóni*, sed *oni*, *púnu*, sed *unu*: do ĉe kelkaj vortetoj ekzistas escepto!!!

Sed kion fari? La escepto ja restas escepto, eĉ se ni ne volas ĝin rimarki kaj konstati!

Pri la duoblaj konsonantoj: brutto, regatto ktp. estas Zamenhofaj vortoj, do ili estas certe Esperantaj.

Pri espisto, espo. Ĉiu lingvo mallongigas tiujn vortojn skribe kiujn ĝi tre ofte uzas. Espisto kaj espo estas sole literŝparado, oni ja prononcu ilin esperantisto, esperanto. Al mi ŝajnas tute nemotivita, ne uzi praktikan mallongaĵon nur, ĉar la idistoj ĝin uzis iam. Precipe nun, kiam Ido jam tute agonias. Cetere oni povus ja uzi ankaŭ Eo kaj eisto, sed espo kaj espisto certe estas pli rekoneblaj.

*K. Kalocsay.*



# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikas interesajn kontraŭopiniojn, koncerne kiun ajn aperintan recenzon. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

M. JAUMOTTE. KOMPLETA ESP. RIMVORTARO. Belga Esperanto-Instituto, II. Kleine Hondstraat Antverpeno. — Prezo sv. fr. 1.60.

Jen la tria rimvortaro (mi ne scias, kial oni ne diras simple : rimaro) aperinta en nia lingvo. Oni ne povas diri, ke la esp-aj poetoj strikas. Klare presita, en oportuna formato, la verko estas supera al la antaŭantoj. La aŭtoro aranĝis la rimlistojn laŭ la alfabeta ordo, komencante de la akcentvokalo, tiel ke la libreto dividiĝas en 5 partojn, responde al la 5 esp-aj vokaloj, k* en ĉiu el ili sin sekvas AB, ABL, ABR... EB, EBL, EBR... ktp. Tia metodo estas pli racia ol la ĝis nun observita, laŭ kiu oni devis serĉi EBL sub El k ISTR sub IR. La sola kritiko, kiun oni povas fari, estas, ke la verkinto ne observis ĝisfine tiun bonan metodon. Ĉar li konsideras antaŭ ĉio la akcentvokalon, li devis meti la tabelvortojn sub I : *tio* apud *metio*, *ĉiu* apud *sciu*, *kie* apud *skie* : nu, oni trovas *tio* sub O, apud *heroo*, *ĉiu* sub U, apud *bambuo*, *kie* sub E, apud *obei*, kun kiuj ili absolute ne povas rimi. Same *ili* k *oni* troviĝas sub I, apud *alia* k *manio*, kio estas akceptebla pro la derivajoj *ilia* k *onia* : sed oni vane serĉus ilin ĉe ilia gusta loko, *ili* apud *brili*, sub IL, k *oni* apud *doni*, sub ON.

La kaŭzo de tiu stranga klasigo estas duobla : unue, ĉar la aŭtoro, sekvante la kutimon en tiaj vortaroj, forfaligis ĉie la dezinencojn (= gramatikajn finajojn), li opiniis neeble presi *ia, ie, io* kc apud *abi, gobi* ktp. Sed ĝuste tiu kutimo estas absurda : kial ne montri al la uzanto la gramatikan klason de la radiko, kiel oni faras en ĉiuj aliaj vortaroj ? Ne malhelpas, ke oni trovus en la sama rimlisto vortojn finiĝantajn jen per O, jen per A aŭ I : ĉiu poezilernanto scias ja, ke vere rimas nur samdezinencaj vortoj. La dua kaŭzo estas, ke la aŭtoro, ne konante la sistemon de la rimoidoj, ne vidis, kien li povus meti la senfleksiajn vortojn finiĝantajn per duonvokalo aŭ konsonanto, ekz-e *apud, tamen*, kc, *ial, iam, ies* kc, *almenaŭ, baldaŭ* kc. Tiuj vortoj devas esti rangitaj, eble kun aparta signo, en la fino de la listoj, al kiuj ili apartenus, se ili finiĝus per vokalo, *apud* sub AP, *ial* sub I, *almenaŭ* sub EN, ktp. Tio estas la sola loko, kie oni povus uzi ilin : la preskaŭrimoj *apatiantiam, baldaŭ-smeraldaj* estas almenaŭ tiel bonsonaj, kiel la abomenaj adasismoj. Kompreneble tiujn el la diritaj vortoj, kiuj havas derivajojn, oni rajtas klasigi krome sub la fina vokalo, *supera* apud *espera*, *cirkaŭi* apud *miaŭi* ktp.

Alia merito de tiu verko estas la granda nombro de la registritaj vortoj. Kvankam tie forestas ankoraŭ pluraj el la komuna uzado (oni neniam devus titoli vortaron kompleta : nur sub A mankas : *aŭdaci apelaci apaĉo blokado ambasado agro plaĝo omaĝo braĝo arbitraĝo ĉantaĝi avantaĝo ĉako obstaklo cerealo asalti gambo pagano onani pranci bizara monarko oligarko barto aŭlo aŭto* kc.) la aŭtoro videble penis kolekti la plej uzatajn vortojn el la hodiaŭa lingvo, aldonante eĉ la plej ordinarajn geografi — k historinomojn. Sed tiu abundo ne estas ĉiam laŭdinda ; la aŭtoro konservis senutile arkaismajn formojn apud la kutimaj : Nur sub a ni havas : *raĝao* (rajao), *ketaco* (cetaco), *iambo* (jambo) *plebejaro* (plebo), *reŭmato* (reŭmatismo), *aeronato* (aerostato), *patato* (batato), *ŭato* (vato) — aŭ eĉ malvive naskitajn neologismojn : *stajo* (subtena trabo), *avanco* (antaŭiĝo), *instanto* (momento) kc. La plej strangajn el tiuj fantaziajoj oni trovas sub IN : *Parcino, madonino, matronino, amazonino, subretino*, kiuj cetere staras ankaŭ ĉiuj (krom *subreto*) sen sufikso sub siaj respektivaj rimoj. Mi scias bone, ke oni ne devas atribui ilin al Sro Jaumotte, ke li nur kopiis ilin en la Rimvortaro de Cart k Panier : sed estas la tasko de vortaristo kribri la materialon, kiu prezentiĝas al li. Similan kribron la aŭtoro devus fari inter la teknikaj vortoj : ekz-e sole sub I oni trovas 742 vortojn (k tamen mankas kelkaj, kiel *pitorio* aŭ *patrio*, dum kompense devojiĝis ĉi tien la verboj : *pioĉi, farĉi* k *graki*), el kiuj apenaŭ la dekono estas uzebla en poezio. La 25 vortoj en *-rafio*, la 34 en *-logio*, la 16 en *-torio*, la 9 en *-metrio* devus kuŝi en piednoto, ne en la teksto, kiun ili senutile embarasas. Krome estus oportune signi per ia ajn rimedo la nekomunuzajn vortojn lasitajn en la teksto : ĉiu ne estas devigata scii la signifon de *abrotano, ailanto, enanto* aŭ de *sandro, laro, gurnardo* : simpla vinjeto antaŭ ili sufiĉus por montri, ke la unuaj estas plantoj, la duaj bestoj. Same ne estus sen utilo averti, ke *oscili, precipiti, asisti* kc havas nur teknikan sencon.

Rimaro ne devas anstataŭi vortaron, sed, kiam oni povas, sen ĝena pliampleksigo, evitigi al la uzanto tedan reserĉon en vortaro, estas bone tiel fari. Oni ne devas konsideri rimaron kvazaŭ seka serio da vortlistoj : ĝi estas speco de vortaro, eble tiel grava por la fiksado de la lingvo, kiel ordinara vortaro. Tial oni devas zorge ellabori ĝin : ne nur akurate eviti la preserarojn (kiuj ne mankas en tiu ĉi verko), k elekti inter la duoblaj formoj de sama radiko, sed kolekti k montri precize per speciala signo la propre poeziajn neologismojn, kiujn la bonaj poetoj iom post iom enkondukas en sian lingvon, kreante tiel la faklingvon de la poezio — kiun Esp-o, kiel ĉiuj aliaj lingvoj, nepre bezonas. Vortoj, kiel *aperti, descendi, trista, dura, tenera, fajna, superba, sublima* kc devus stari rimarkeble en rimaro, eble kun klarigo en apendico. Tiel komprenite, la verkado de rimaro estus longa k delikata laboro, sed ĝi havus multe pli da gravo k utilo ol simpla akumulo da rimgrupoj.

*G. Waringhien, L. K.*

LODE BAEKELMANS : ELEKTITAJ NOVELOJ 84 paĝoj. Tradukis : Jan van Schoor. Eldonejo : Flandra Esp. Instituto. Prezo : P. 1.80.

Tiuj ĉi noveloj estas nekontesteblaj gajnoj de nia traduka literaturo. Baekelmans estas certmana pentristo de flandraj tipoj. Siajn figurojn li elektas plejparte el la popolo, kiun li rigardas per siaj akravidaj, tamen bonvolaj okuloj. Spicistoj, magazenistoj, muzeopordistoj, malaltrangaj ŝtatoficistoj, bravaj, laboremaj flandrinoj pretermarŝas antaŭ ni. Ĉiu novelo de Baekelmans respegulas al ni la malkaŝan realon : la vivon de grizaj, ĉiutagaj homoj, vivantaj preskaŭ ĉiuj en iu antaŭurbo de Antverpeno. Sed la verkisto ĉiam trovas la valoran kernon de tiuj ĉi modestaj vivoj ; la krudan fidelecon de l' fotografaparato kompletigas kaj mildigas lia bonkora amo al la popolo. Bonhumora ironio, pli milda fratino de la sarkasmo de Coster, ŝvebas super la tuta libro ; ke ĝi povas esti ankaŭ pli tranĉa, pruvas »La sankta Principo«, senindulge malkaŝante la egan abrupton, kiu la principojn de la politikistoj disigas de la praktika aplikado.

Generale la stilo de la traduko estas bona. Tamen mi devas fari kelkajn rimarkojn. La misuzo de la kunmetitaj verboformoj abundas ankaŭ en tiu ĉi libro. Kiam do rekonos niaj verkistoj, ke la plej logika stilo ne ĉiam estas la plej literatura ? Mi estas konvinkita, ke per la prefero al la simplaj verboformoj mi ne servas al ia individua, aŭ

* k=kaj.

nacidevena gusto, sed kontraŭe: la moderna Esp-a stilo klopodas al la simplaj, klaraj formoj. La trouzo de la kunmetitaj verboformoj eĉ malkaŝas, ke la tradukinto *tradukis* la frazojn de sia nacia lingvo, sed ne *reverkis* ilin en Esperanto. Mian konvinkon firmigas la fakto, ke ĉe la plej eminentaj stilistoj de nia lingvo (Zamenhof, Grabowski, Kabe) oni ne trovas tian misuzon. Estas interese, ke ofte, kiam oni *devus* uzi kunmetitan formon, la tradukinto uzas la simplan. Ekzemple post *kvazaŭ* li uzas simplan pasinton de l' indikativo anstataŭ la kunmetita pasinto de l' kondicionalo.

Malĝusta estas la uzo de »ne jam« anstataŭ »ankoraŭ ne«, »vekiĝi« anstataŭ »veki«, »forofero« anstataŭ »ofero«, »ĉio tio« anstataŭ »ĉio ĉi«, »faveto« anstataŭ »fabeto«, »frančiĝi« anstataŭ »franĝiĝi«, »filozofie« anstataŭ »filozofe«, »melanĥolia« anstataŭ »melankolia«, »bruli« anstataŭ »bruligi«, Neĝustas ankaŭ la uzo de »ankaŭ«, ĝi devas ĉiam antaŭi la vorton, kiun oni volas emfazi. En la frazo: »... parolis anglan lingvon, miksita kun brusela ŝerco.« la neglekto de l' akuzativo ŝokas. (Ĝi certe ne devenas el preseraro, ĉar ĝi troveblas en alia, simile konstruita frazo.) Bedaŭrinde estas, ke pro ĉi tiuj mankoj mi ne povas diri tiun nepran laŭdon, kiun cetere meritus la viva kaj natura stilo de la tradukinto.

*Ludoviko Totsche.*

MABEL WAGNALLS: PALACO DE DANĜERO. 206 paĝoj. El la angla tradukis: Edward S. Payson. Eldonis: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Prezo: P. 9.—

Tre bonkvalita, pordistra romano. Ĝi kondukas nin en la epokon, kiam regis Louis XV., aŭ pli ĝuste lia favoratino: la potenca Madame de Pompadour. Intrigoj de la Palaco de Danĝero, kiel la romano nomas la mondfaman reĝan palacon en Versailles, ĝisekstrema batalo inter la jesuitoj kaj la Favoratino donas la historian kadron al ĉarma amrakonto. Ne mankas ĉiaspecaj artifikoj necesaj al tia tiel nomata »historia« romano: reĝa ekzilo, nokta transmaskado, sekreta ĉambreto kaj sekretaj ŝtuparoj, surbalkona fantomo de mortinto, murdintenca atenco kontraŭ la reĝo, la minacanta ombro de la *Bastille* kaj fine la trankviliga, kutima *happy end,* ĉu oni povus postuli pli, se post laciga laboro de griza ĉiutago oni volas fuĝi en la riĉkoloran mondon de l' fabelo? Kaj la aŭtoro scipovas fabeli: sen malhelpoj, kun egalritma fluetado disvolviĝas la rakonto. Kompreneble oni ne devas atendi pli, ol nuran fabelon; fidelan epokpentradon, akravidan karakterizan forton oni ne serĉu en la romano. Sed ĝi ja eĉ ne ambicias ion tian: la simpla, modesta tono de la rakonto simpatie efikas al la leganto.

La lingvo de la traduko estas harmonie simpla, klara. Kun bona konscienco mi povas rekomendi la libron al tiuj, kiuj volas per facila legaĵo sin ekzerci en la lingvo. Bedaŭrinde tamen mi trovis kelkajn peketojn, mi mencias ilin en la espero, ke la tradukinto malaperigos ilin el siaj estontaj verkoj. La malfeliĉa »ne jam« ankaŭ en tiu ĉi libro anstataŭas la ĝustan »ankoraŭ ne«. En la frazo: »ŝajnis kvazaŭ tuta orkestro ludas post liaj tempioj« mi trovas pli ĝusta la uzon de l' kondicionalo. En propozicioj, kiuj sekvas post verbo esprimanta deziron aŭ volon, la tradukinto uzas indikativon anstataŭ la ĝusta u-modo. En la libro troviĝas kelkaj neologismoj neklarigitaj. Ĉu la tradukinto ne opinias, ke estas oportune, uzante novan, nekutiman vorton, klarigi ĝian sencon al la legantoj?

La eksteraĵo de l' libro estas bela, preseraroj apenaŭ troveblas.

*Ludoviko Totsche*

EMIL ISAC: SONORILO KAJ KANONO. *Poemaro en prozo.* El la rumana tradukis: Tiberio Morariu. Eldono de Heroldo de Esperanto, Köln, 1930. 60 paĝoj. Prezo sv. fr. 1.72.

Tiuj ĉi poemoj en prozo estas tre delikataj manifestiĝoj de granda poeta talento. Ili estas plene saturitaj de la plej noblaj ideoj kaj sentoj. Ni ravite aŭskultas (ĉar ili sonas pleje al la oreloj) la mallaŭtvoĉajn, subtilajn, sopir- kaj larmoplenajn akordojn, tiujn ĉi sorĉajn akordojn, kiuj eliras el la mirinda orkestro de la poeta animo. Tiuj ĉi lirikaj akordoj estas kvazaŭ muzika fluo, dolĉa sono. Kiel la tajdo: tiel inundas nian koron tiuj ĉi akordoj rapide sekvante unu la alian, jen disiĝante, jen ripetiĝante, jen denove unuiĝante en perfekta Simfonio. Ili lulas nin en alian, transteran mondon. La oftaj ripetiĝoj donas apartan ĉarmon, apartan signifon kaj emfazon al la poemoj. Ili bone efektas. La aŭtoro estas vera virtuozo de la nuancigo.

Pacifista poeto li estas. Propraokule li vidis la militon. La sangaj rememoroj jam neniam povas forviŝiĝi el la memoro, ili tie brulas, doloras neestingeble. Li akuzas la militon kaj bedaŭras la homon. Li vidas bone la mizeron, la kriojn neaŭdeblajn, li konas kaj amas la naturon — eble liaj naturpriskriboj estas la plej belaj — sed ĉefe li konsolas la suferantan homfraton. Liaj vortoj karesas, ili estas varmaj kaj amplenaj.

Propre muzikaj bildoj estas tiuj ĉi poemoj en prozo. Majstre komponitaj pentraĵoj kun vasta perspektivo en la fono. Li ne uzas kriantajn kolorojn, sed liaj simplaj, delikattonaj koloroj vivas, muzikas, havas melodion, kaj ĉi tiu melodio enŝteliĝas en la koron. Vere, kormuziko kaj kolorsimfonio.

Tiberio Morariu bele kuraĝe kaj elegante tradukis la poemojn. La aŭtoro skribis apartan antaŭparolon al la Esperanta eldono. Ankaŭ la eksteraĵo de la libreto estas tre plaĉa.

*Parvus Piscis.*

LA LINGVO DE LA BESTOJ. Prelego farita de Florence Barker B. A. dum kunsido de »Amikoj al la Bestoj«, okaze de la 22-a Universala Kongreso de Esperanto en Oxford. Prezo: 0.40 P.

La 24-paĝa kajereto enhavas krom parolo por memoro al Chum, la hundino de l' prelegintino, Universalan Preĝon de la Bestoj kaj Ĉarton de la Bestoj. La prelego denombras interesajn faktojn pri la besta intelekto, pri ilia kapablo komuniki siajn sentojn al la homoj, eĉ pri ilia lingvokapablo (ekzemple Chum krom la angla lingvo komprenis frazojn en la franca, germana, itala kaj Esperanta lingvoj.)

La ĉeftendenco de l' prelego al mi estas nekontesteble — antipatia. Neniam mi turmentis bestojn kaj ĉiam mi penis malhelpi tiajn kruelaĵojn, sed decide mi devas aserti, ke — almenaŭ provizore — ĉiu subhoma intereso devas cedi al la intereso de l' homo. Estas indignige, kiam la libreto postulas ĉesigi la utiligon de bestoj ĉe milito, sed eĉ unu vorton ne diras kontraŭ la samcela utiligo de homoj; estas indignige kaj kontraŭe al la scienca progreso, kiam ĝi postulas la ĉesigon de la eksperimentoj faritaj por eltrovi ĝustan medikamenton kontraŭ la kancero. Estas kruda leĝo de l' naturo, ke la malpli forta, la malpli perfekta devas servi la evoluon de la pli perfekta. Por venki tiun ĉi kruelecon de l' naturo, oni devas antaŭe klopodi, ke inter la *homoj* ne validu tiu ĉi leĝo, ke per la forto de l' solidara amo la homaro sin levu super la materion. Kompreneble oni devas eviti ĉiun *superfluan* turmenton, sed estus pseŭdohumaneco, se pro indulgo al la bestoj oni neglektus gravajn interesojn de la homaro.

*Ludoviko Totsche*

ANEKDOTARO, de Dro Leopold Dreher. Ĺ. K. 64 paĝoj. Prezo: 1 svisa fr. Kraków. 1931.

Jus aperis interesa libreto el la lerta plumo de L. Dreher. Ĝi enhavas anekdotojn kaj servas kiel facila legolibro por kursfinintoj. La libro estas bone uzebla ne nur por poloj, sed ankaŭ por alinacianoj, ĉar ĝi estas esperantlingva, kaj nur sur la marĝeno estas plurlingvaj gramatikaj klarigoj.

Estis tre bona ideo eldoni anekdotojn por serioza lerno. Mi ankaŭ ĉiam uzas anekdotojn kaj aliajn spritaĵojn ĉe miaj progresaj kursoj, ĉar ili estas mallongaj, do facile rerakonteblaj kaj ili tre plivigligas la kurson.

Jam pri la kompilo de la Anekdotaro mi ne estis tiel kontenta. Mi trovis sufiĉe multajn malnovajn anekdotojn kiuj jam ne plu ridindiĝas aŭ malaktualiĝis. Ili nuntempe aspektas jam iom palaj.

Ekzistas abunde multe pli freŝaj, multe pli modernaj kaj precipe multe pli spritaj anekdotoj. Mi aludas nur la famajn skotajn anekdotojn. Sed mi devas aldoni, ke mi trovis kelkajn tre bonajn, eĉ plej modernajn anekdotojn. (En unu ekzemple estas menciata la viena Esp. muzeo kaj Literatura Mondo!)

El stila vidpunkto la Anekdotaro estas senriproĉa, do profitdone uzebla por perfektemuloj. Bedaŭrinde la preso, papero estas sufiĉe primitivaj, sed tamen mi esperas, ke la Anekdotaro havos la saman sukceson, kiel la »Supera kurso de Esperanto« de la sama aŭtoro.

*Parvus Piscis*

KRISTA, LUDW. PRI LA PRONONCADO EN ESPERANTO. Mondlingvo Eldonejo. Katowice, ulica Plebiscytowa 25. 1931. 32. pĝ.

La aŭtoro tre verve pledas por la unueca elparolo. Li diras multajn interesajn observojn kaj konsilojn, sed ĝenerale lia regulo pri la vokalelparolo estas erara. La diversa longeco de la vokaloj tiel enradikiĝis en la lingvo, ke oni ĝin ne povas plu ekstermi. Laŭ mia opinio ĉi tiu, libere evoluinta parolkutimo estas studinda kaj fiksinda, ne ignorinda, aŭ eksterminda.

Kelkaj parolkutimoj, kiujn li malaprobas, cetere estas malgravaĵoj. Ekzemple la *j* en *mia*.

Li estas prava tiurilate, ke oni devas strebi al perfekta pronocado, kaj oni devas doni la eblon al ĉi tiu strebado per tio, ke oni fiksas la prononcekzemplojn en ĉiu lingvo. Sed por tio oni bezonus fiksi la elparolprincipojn. Ĉar la Fundamento tiurilate nur erariĝas.

Kaj krome, oni ne esperu tute unuecan elparoladon. Eĉ la germanan literaturan lingvon oni ne prononcas ja unuece, ĉiam trasentiĝas la respektiva dialekto.

*Kopar.*

ISAV. *Eldonis: Isav, Praha 2, skautsky domov, petrské nábr. Č. S. R.* 16 paĝoj kaj kovrilo. Prezo 2 kr. ĉ. La enhavo estas proklamo pri nova movado gejunulara kun unupaĝa Esperanta teksto. Laŭ la Esperanta teksto: »ni vidas en isavano sanan homon... la konstruanton de nova sociala sistemo...« »isav estas movado proletara kaj internacia...«

CURSO ELEMENTAR DE ESPERANTO (3. milo) de *Saldanha Carreira* kaj *Luzo* Bemaldo. Liveranto: Parceria Antonio Maria Pereira — Rua Augusta — Lisboa.

Ĉi tiu portugala lernolibro ŝajnas esti eminenta, tiel laŭ esperantiga, kiel laŭ esperantistiga vidpunkto. Ĝi estas klara, abunda, instrua, eĉ, interesa. *Kr.*

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA dissendis prospektojn pri sia 25-jara ekzisto. Ĝi surhavas liston de gazetoj presitaj, de verkoj kaj verkistoj, kiujn la entrepreno konigis.

INTERNACIA TURISTA KONGRESO en Budapest eldonis okpaĝan prospekton kaj grandan afiŝon en Esperanto.

PAUL FRUICTIER: KOMPLETA GRAMATIKO KAJ VORTFARADO DE ESPERANTO — reviziita kaj kompletigita de S. Grenkamp-Kornfeld. (Eld.: Esperantista Voĉo, Jaslo, Pollando. 187 p. 15×22 cm. Prezo: P. 6,25).

La aŭtoroj plene kaj laŭdinde sekvas la principon: »konstati, ne proponi«. Tiu ĉi bonega verko vere meritis la reaperon kaj kompletigon. Divido, stilo, ekzemplaro, la tuta libro, estas modela; nur kelkloke mi povas fari rimarketojn. Ekz.: La teorio de »kiu«, pro la dividmaniero, ne estas sufiĉe detala, kvankam por multaj nacioj la »kameleona naturo« de tiu ĉi simpla vorto ne estas tute memkomprenebla. La ĉapitro: Versfarado estas iomete mallonga. En tiu ĉi ĉapitro ne estas ĝusta la difino de la asonanco, kiu signifas la vokalsamsonecon en la rimvortoj; la konsonantoj ne egalas. Sed en la libro troviĝas alia difino, sekve la ekzemplo estas malbona, ĉar: »ribelaj... anĝelojn« tute ne estas asonancaj vortoj, nek rimoj, nur »aborta rimo«, kiel Kalocsay nomas tiujn rimabortojn. — Ankaŭ la aliteracio ne estas bone difinita, ĉar ĝi estas nur komencripetiĝo de la versvortoj. El la du aliteraciaj ekzemploj nur unu estas perfekta aliteracio; la dua ne estas tro konvinka. Tamen, mi povas nur ripeti, la aŭtoroj faris bonegan laboron kaj meritas grandan medalon.

*Szilágyi.*

LA GRANDA LEĜO DE RESANIĜO. Verkis E. Geraldine Owen, tradukis M. S. Rutter, eldonis London Unity Centre, London, Hyde Park W. 2. 78 Lancaster Gate. 12 paĝoj. Prezo neindikita.

Filozofia traktato, kun multaj preseraroj kaj nebona traduklingvo.

---

# REDAKCIA POŜTO

Al sinjoro JOHN MABON WARDEN, okaze, ke li estis elektita *Prezidanto de l' Akademio*, la redakcio de la *Literatura Mondo* esprimas kun amo, estimo kaj konfido plej korajn salutojn kaj plej sincerajn bondezirojn.

*

Pro bedaŭrinda malobservo, sub la recenzo pri la *Lingvo Stilo Formo* de *Kalocsay*, en la antaŭa numero, mankas la nomo de la recenzinto: ARNOLD BEHRENDT.

*

Ni forgesis noti, ke en la numero 8. la grandan grupan kongresfoton ni uzis el la fotokolekto de f-ino Margareto Janicsák, Budapest.

*

*S. Guterman, Plock.* 1. Ni neniam povas fikse promesi la aperon de iu artikolo ĝis iu dato, precipe se ĝi estas tre longa. Via tradukaĵo okupos ĉ. 7 paĝojn de LM.!! 2. Bedaŭrinde la esperantista legantaro ankoraŭ ne estas sufiĉe forta por ne bankrotigi la eldoniston eldonintan tiel grandan seriozan libron. 3. Pri la enhavo de nia gazeto ni volonte akceptus de vi ĉ. unukolonan artikolon, kiun ni presus en la Diskuto.

*S-ro Glicenstein, Lodz.* La demandita kaj ne nur de vi atendita verko pro diversaj kaŭzoj tre prokrastiĝis, tial ni transdonis la zorgojn por ĝia eldono al alia eldonisto.

*S-ro Ginz, Praha.* La numero julio—aŭgusto estis ankaŭ *duoblapreza*. La duoblan numerigon ni ne povis aldoni pro certaj kaŭzoj specialaj. Cetere estos sama ankaŭ la novembro—decembra numero. Tial neniu serĉu *la 11-an* kaj *12-an* numerojn de 1931! Ili ne ekzistos. Tamen atentu, ke pro tio *ni ne malpliigis la jaran paĝonombron.*

*S-ro Ulbricht, Mattighofen.* Ni tre miris, legante vian karton pri tio, ke nia gazeto ŝajnas esti tro juda!!! Ni ne povas kompreni tion kaj ni ne scias, ĉu vi havas samopinianto(j)n. Pri la neologismoj ni jam skribis.

*S-ro Limbach, Kempenich.* »La Policisto« ne plu

aperas. Adreson de la polica organizaĵo vi trovos en la U. E. A. jarlibro.

*S-ro I. H. Kr.* Pirdop. Viajn librojn ni ne petis, ni do ne povas resendi per nia kosto. Bnv. sendi al ni la sendkostojn kaj tiumomente ni resendos ilin al vi. Ni ne povas akcepti kaj ŝanĝi librojn, kiujn ne petis. Ankaŭ Ada »Rememoroj« ne taŭgas al ni. Eble vi povos aĉeti la tiom deziratan libron? Finfine niaj libroj estas eldonitaj ne por *sanĝi*, sed por *vendi* ilin! Ja verŝajne tio kostus eĉ malpli, ol konstantaj afrankoj por demandaj kartoj.

*S-ro Sedillo, Bléré.* Via propono por ni estas bedaŭrinde neakceptebla. Por tio bezonas kreski la Esperanto-movado almenaŭ je la kvinoblo.

*Konkursinto.* La konkursaĵoj ankoraŭ ne estas finleĝitaj de ĉiuj anoj de la juĝa komitato. Espereble en la sekvonta numero ni jam povos raporti pri ĝi.

*F-ino Zetterlund, Stockholm.* Mono danke ricevita. Nia fakturo estis 22.95. kaj ne 22.35. Diferencon ni skribis en vian konton.

*S-ro Wiesenfeld, Warszawa.* Via abono por la tria kvaronjaro trafis nin 26.9. Dume senditajn gazetojn vi certe jam ricevis. Pri aŭtorekzempleroj bnv. afable skribi al Jan Fethke, kiu disponas pri la necesa kvanto. Adresŝanĝo notita. Abono por kvara kvarono ankoraŭ ne alvenis. Ni konsilas pagi tutan jaron, tiam forestas eraroj.

*S-ino Schwáb, Budapest.* Laŭ niaj libroj ni sendis al vi la koncernajn numerojn. Bonvolu pli bone rigardi ilin en viaj ŝrankoj.

*S-roj Popoff kaj Lukov, Bulgarujo.* Pardonu nian kulpon. Viaj slipoj iel perdiĝis kaj tial vi ne ricevis dume viajn gazetojn. Nun ni sendis ĉion.

*S-ro Hollmann, Dützen.* La tekstoj de la kantoj sur la disko Baghy—Kalocsay estas troveblaj en la *Preter la Vivo de Baghy* kaj *Streĉita Kordo de Kalocsay.*

*S-ro Popoff, Sofio.* Espereble vi jam ricevis la mankantajn numerojn. Bedaŭrinde el nroj 2 kaj 3 ni ne plu povas sendi, ĉar ili estas plene elĉerpitaj. La adreso de J. Baghy estas nun: Espero, Tallinn, Postkest 6, Estonio.

*Gefratoj Bijleveld, Haga.* Ĉion ni ricevis en bona ordo. Ni sekvos viajn konsilojn.

## Premio por frupago

Por komplezi al niaj malnovaj abonantoj, ni donas al ĉiuj, kiuj pagas sian tutjaran abonon por 1932. ĝis 1. decembro 1931. por 0.15 usonaj dolaroj de sendkostoj

BINDAĴON POR LA JARKOLEKTO 1931.



Por aliaj, nepagintaj ĝis tiu dato, ni fiksis prezon por la bindaĵo en dolaroj 0.50 afrankite. La bindaĵo estas bela duonleda, fortika, kun ora surpreso laŭ la suba bildo. La bindaĵon ni ekspedos kune kun la enhavtabelo samtempe kun la januara numero.

*Al ĉiuj novaj abonantoj*, kiuj sendas sian tutjaran kotizon por la dua jaro ĝis 1.12. 1931. kaj aldonas 0.10 dolarojn, ni sendas senpage tri diversajn numerojn de Literatura Mondo el 1931.

### Kompletigo

Ni devas sciigi, ke nia raporto pri la kongreso en Krakow estis iom mankhava. Nome krom la fakkunsido de Literatura Mondo, kie niaj amikoj donis bonajn konsilojn por la enhavo kaj aspekto de nia gazeto, amikoj niaj polaj faris apartan kunsidon laŭ la iniciato de d-ro Medrkiewicz, en kiu tre vizitita kunsido oni rezoluciis al la koncernaj ministerioj por laŭdo kaj subteno al la pola numero de LM. Tiu rezolucio havis sian meritatan sukceson. La pola ministerio por ekstero decidis aĉeti provizore 100 ekzemplerojn de la pola numero de Literatura Mondo. Ĉi tie akceptu niajn plej varmajn dankesprimojn sinjoroj Bujwid, Fethke, Medrkiewicz, Lejzerowicz kaj Tichawski, kiuj plej multe klopodis por tiu afero.

## NIA NOVA ABONPREZO

Pro la ŝanceliĝo de la diversaj valutoj ni devis decidi fiksi unuecan abonprezon por ĉiuj landoj en *usonaj doloj*. Ni petas do niajn abonantojn noti, ke tutjara abono *kostas dolarojn 1.80, duonjara 1.—, kvaronjara 0.60. Opa numero kostas dolarojn 0.20.*

### Atentu abonantoj en Francujo, Germanujo, Italujo kaj Svisujo

por *Francujo* en la venonta jaro nia reprezentanto estas *Centra Esperanto Librejo, Paris IXe, 51 rue de Clichy.*

por la tri aliaj landoj ni malfermos en la proksimaj tagoj poŝtĉekkontojn, al kiuj pagi estas plej oportune. Pri la numero de la koncerna konto ni informos niajn tiulandajn abonantojn ĝis 1. 11. 1931. El tiuj landoj ni akceptas frupagojn, pagitajn pere de nia poŝtĉekkonto ĝis 10.12. 1931.

### ANONCETOJ

Prezo po unu enpreso kaj dek vortoj 70 fileroj (50 pfenigoj) aŭ egalvaloro. Minimumo estas 20 vortoj. Pagebla ankaŭ al niaj reprezentantoj.

*La uzanto de ĉi tiu rubriko havas la nepran devon respondi almenaŭ unufoje al la korespondaĵoj, alvenintaj al li laŭ la anoncita temo!!*

—

LA MEMORON PLIFORTIGAS laŭ metodo trifoje premiita de la Pariza Akademio profesoro de mnemoniko D. FAJNSTEJN — VILNO, Zawalna 15/11 (Pollando). Postulu senpage prospektojn de la memorfortiga kurso en Esperanto.

*Literatura Mondo, dua periodo*, nroj 2 kaj 3 estas serĉataj. Volonte ŝanĝas ilin la eldonejo je estona aŭ junia numeroj.

*S-ro Pere Estatuet, 19-jara kontoristo str. Sant Pere 5, MONISTROL (Barcelona) Hispanujo* deziras korespondadi pri ĉiuj temoj kêl.

*Literatura Mondo, kvara jaro nro 12* estas serĉata. Skribu ofertojn al Ludoviko Totsche, Hungarujo, Budapest I. Vérmező-u. 16. III. 24.

**De RAYMOND SCHWARTZ aperis**

Verdkata Testamento, afrank. . . P 3·20
Prozo Ridetanta, afrank. . . . . P 4·50
Anni kaj Montmartre, afrank. . . P 4·50

Mendeblaj ĉe

**LITERATURA MONDO, Budapest**

NOVA VERKO DE

**KENELM ROBINSON:**

**VOL. II.**

Noveloj kaj poemoj en la angla kaj Esperanta lingvoj. 72 paĝoj broŝurita
Prezo mk. 2·—, P 2·80
plus 10% por sendkostoj
Eldonis **EsperantistaVoĉo**
**JASLO, POLLANDO**
Havebla ĉe Literatura Mondo Budapest

**Skribu tuj**
al la oficejo, por ke vi ricevu
**senpage**
la specimenon de la Esp. gazeto

**OOMOTO**

Aperas ĉiumonate, en 30—48 paĝoj de 23×16 formato, sur bela papero presita kun multaj belaj bildoj

Ĝi estas la plej perfekta konigilo pri nova spirita movado *Oomoto*, kiu celas la reformon de l' mondo per Dia gvido por venigi veran pacon

Kaj ĝi plu havas *Japanan Kolonon*, en kiu pli ol 10 paĝoj da artikoloj kune kun belaj ilustraĵoj ĉiumonate prezentas Japanujon de ĉiuj flankoj

ABONPREZO por jaro: 2.40 Jeno, 4.80 Sv. Fr. aŭ egalvaloro

Vi povas sendi la abonkotizon pere de lokaj reprezentantoj aŭ rekte al la oficejo per poŝtmandato

**Oomoto Propaganda Oficejo**
**Kameoka, Kioto-Hu, (Japanujo)**

**ĈU VI KONAS LA GAZETOJN DE SAT?**
**ĈU VI KONAS LA VERKOJN ELDONITAJN DE SAT?**

**SE NE, PETU PROVEKZEMPLERON, TURNU VIN PRI KOMPLETA LIBROKATALOGO AL LA SUBE NOTITA ADRESO!**

Jam de preskaŭ 7 jaroj aperas regule la *semajna organo de Sennacieca Asocio Tutmonda*

**SENNACIULO**

kun interesaj originalaj kunlaboraĵoj pri sociaj bataloj, laboristaj problemoj ktp., raportoj el la tuta mondo. 8 paĝoj de formato 25×32 cm. Ilustrita. Kun senpaga monata aldono: *La Lernanto* por perfektiĝantaj esperantistoj.

SAT eldonas ankaŭ *literaturan revuon* monatan

**LA NOVA EPOKO**

kun beletristikaj, kritikaj, sciencaj verkaĵoj originalaj kaj tradukitaj. La 24-paĝa duobla kajero (majo/junio) entenas interalie elekton de primilitaj literaturaĵoj; ĝi estas havebla kontraŭ pago de 0,50 mk. g.

La *Eldon-Kooperativo de SAT* ofertas al vi:

PLENA VORTARO DE ESPERANTO
(536 paĝoj. Verkita de prof. Grosjean-Maupin, Esselin, Grenkamp, prof. Waringhien) broŝ. 9.— mk., kart. mk. g. 10.—

J. LONDON, LA FERA KALKANUMO
(368 pĝ.) broŝ. 2,60 mk., bind. 3,50

*Volter (Voltaire), KANDID (Candide)*
(162 pĝ.) mk. 1.70

*VORTOJ DE K-DO LANTI*
(192 pĝ.) mk. 2.—

*NACIISMO* (E. Lanti)
(124 pĝ.) mk. 1.30

*Bogdanov, RUĜA STELO* (utopia romano)
(168 pĝ.) mk. 1.60

kaj 30 aliajn grandajn kaj pli malgrandajn librojn kaj broŝurojn beletristikajn kaj sciencajn.

**PRI ĈIO ONI SKRIBU AL**

**ADMINISTREJO DE SAT,**
**COLMSTR. 1, LEIPZIG O.27**

UNUAKVALITAN
BELAN
MALMULTEKOSTAN
laboron liveras al vi la
PRESEJO DE
LITERATURA MONDO
NE FORGESU:
en Hungarujo la salajroj estas malaltaj! Do certe inter la preskostoj estas granda diferenco! Tial demandu nin pri preskostoj kiam vi volas mendi ion.
PRESEJO DE LITERATURA MONDO
HUNGARUJO, BUDAPEST

El la serio: Por la plibonigo de internaciaj rilatoj
POR LA AŬTUNA SEZONO
APEROS
UNIKA VERKO INSTRUA STUDO
DE
KAZIMIERZ SMOGORZEWSKI
POLLANDO
128 paĝa
Formato: 14/23 cm
KAJ
GERMANIO
Prezo:
fr. sv. 2.50
kun pluraj (du multkoloraj) landkartoj. El la franca tradukis S. J. Grenkamp-Kornfeld
El la serio: Por la plibonigo de internaciaj rilatoj
Eldonejo
ESPERANTISTA VOĈO
JASLO (POLLANDO)

# SENPAGE

nenion, sed ankaŭ

## por via mono

nenie

vi ricevas pli daŭran valoron, ol la

## eldonaĵoj de „Literatura Mondo“

### Verkoj de JULIO BAGHY:

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Dancu Marionetoj**, noveloj tolb. 1.05, | duont. 0.80, | broŝ 0.70 |
| **Migranta Plumo**, noveloj „ 0,90, | | „ 0.55 |
| **Viktimoj**, romano „ 1.50, | „ 1.10, | „ 1 — |
| **Hura!** romano „ 2.—, | „ 1.65, | „ 1.50 |
| **Preter la vivo**, poemaro „ 0.60, | | „ 0.40 |
| **Pilgrimo**, poemaro „ 0.60, | | „ 0.35 |

### Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:

| | | |
|---|---|---|
| **Lingvo Stilo Formo** | „ 0.95, | „ 0.60 |
| **Streĉita Kordo** | „ 1.15, | „ 0.80 |
| **Rimportretoj** | „ 0.90, | „ 0.60 |
| **Eterna Bukedo.** Internacia poemantologio el 20 lingvoj. Tradukoj el la plej famaj poetoj. 352 paĝa, duonlede bindita | | „ 2.20 |
| **Madách: Tragedio de l' Homo** luksa bind. 1,50, | luksa 1.10, | „ 0.80 |
| **Petőfi: Johano la Brava** | „ 0.60, | „ 0.30 |

### ALIAJ ELDONAĴOJ:

| | | |
|---|---|---|
| **Jean Forge: Mister Tot aĉetas mil okulojn**, romano | bind. 1.20, | broŝ. 0.80 |
| **Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** | bind. 0.50, | „ 0.30 |
| **T. Schwartz: Modernaj Robinzonoj** | | „ 0.30 |
| **Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** | | „ 0.12 |
| **Gramofondisko** Sárossy—Baghy afrankita | | 1.25 |

**Prezoj en usonaj dolaroj!**

Aldonu 10% por sendkostoj.

**Antaŭvideblaj eldonaĵoj de Literatura Mondo en 1932.**

**Szilágyi:** Trans la Fabeloceano

**Kalocsay:** Hungara Antologio

**Ŝirjaev, Bleier, Kökény, Kalocsay:** Esperanto Enciklopedio

**Krom tio aperos verkoj de Baghy, Jean Forge, Totsche k. a.**

Aperos baldaŭ! Aperos baldaŭ!

TRANS

LA FABELOCEANO

Novelaro de

Francisko Szilágyi

128 paĝa, ilustrita, sur belega papero.

Broŝurita Uŝa dolaroj 0.60
Bindita Usa dolaroj 1.—

Aldonu 10% por sendkostoj

Eldonas: **Literatura Mondo,** Budapest, IX, Mester-u. 53. V. 7. — Ricevebla ankaŭ ĉe niaj reprezentantoj kaj ĉe la seriozaj librovendistoj.

GRAMOFONDISKO

de la poemo de

J. BAGHY

muzikigita, kantita de

Miĥaelo Sárossy

En ladrinkejo

estas denove havebla de la eldonejo de „LITERATURA MONDO" Budapest, IX. Mester-u. 53 kaj de niaj reprezentantoj.

PREZO AFRANKITE USA. DOLAROJ 1·25

IOM DIFEKTITAJ LIBROJ

PROPRAPREZE

PARTE DUM PRESO, PARTE EN NIA MAGAZENO MALMULTE DIFEKTIĜIS

12 ekzempleroj BAGHY: VIKTIMOJ
IOM DIF. P 3·30 (ORD. PREZO P 6·—)

34 ekzempleroj BAGHY: PILGRIMO
IOM DIF. P 1·20 (ORD. PREZO P 2·20)

22 ekzempleroj BAGHY: PRETER LA VIVO
IOM DIF. P 1·40 (ORD. PREZO P 2·40)

115 ekzempleroj BAGHY: DANCU MARIONETOJ
P 2·30; Forte dif. 2·— (ORD. PREZO P 4·20)

7 MADACH—KALOCSAY: TRAGEDIO DE L' HOMO
IOM DIF. P 2·70 (ORD. PREZO P 5·—)

INKLUZIVE SENDKOSTOJN!
NUR ĜIS KIAM LA PROVIZO DAŬRAS!

ELDONEJO DE »LITERATURA MONDO«, BUDAPEST

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.